# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

18. Jahrgang Nr. 111 (1/1982) ISSN 001 4-0619 30 Pf

*Prepare al la 9-a Ĝenerala Konferenco de MEM*

S. N. Podkaminer

## MEM-movadon sur la pli altan ŝtupon!

La mondo travivas tre seriozan periodon: forte kreskis la minaco de grandskala milito, pliakriĝis la internacia situacio, la politika atmosfero estas venenigata pro tendenco minaci per forto, blokado, senhalte kreskas armilaro en la tuta mondo. Dank' al impetega kresko de pormilitaj elspezoj pliprofundiĝis la sociaj, politikaj kaj ekonomiaj kontraŭdiroj. La kreitaj tensifajrujoj endanĝerigas sekuron, liberon kaj sendependon de popoloj en diversaj mondpartoj.

Tiun danĝeregan situacion kreis la imperialistaj ŝtatoj kaj transkontinentaj monopoloj. Ĝi postulas senprokrastajn kontraŭagojn kaj centoblan pliaktivigon de ĉiuj porpacaj fortoj en la tuta mondo. Pasinta en septembro 1980 en Bulgario la Tutmonda Parlamento de paco, unuiginta 2 260 partoprenintojn el 137 landoj, sin turnis al ĉiuj pacamaj organizaĵoj, al politikaj partioj, profesisindikatoj, virinaj, junularaj, religiaj, kulturaj kaj sciencaj asocioj, al ĉiuj homoj de bona volo kun alvoko unuigi siajn fortojn por diri firman „Ne!" al la militbruligantoj, deklari sian neŝanceligeblan volon defendi la pacon kaj la estonton de la homaro.

Inter tiuj organizaĵoj, al kiuj sin turnis La Tutmonda Pacparlamento ne la lasta rolo apartenas al la Mondpaca Esperantista Movado (MEM), kiu dum pli ol 25 jaroj aktive partoprenas la lukton por la paco. MEM aktivas en ĉiuj kampanjoj, organizataj de la Tutmonda Packonsilantaro kaj en ĉiuj porpacaj, internaciaj forumoj per specialaj delegacioj, eldonas revuojn „Paco" kaj „Pacaktivulo". Tiu ĉi agado, kies graveco kaj utilo estis multfoje agnoskita de la Tutmonda Packonsilantaro kaj ĝia prezidanto s-ro Romesh Chandra, kompreneble, devas esti daŭrigata. Sed la nuna politika situacio postulas de MEM plivastigon de ĝia aktivado. Necesas entiri al la MEM-movado plej eble grandan kvanton da progresemaj espe-

rantistoj de la terglobo, necesas pliperfektigi la agadformojn, plivariigi ilin, atingonte pli grandan efikecon de la agado. Oni devas plej vaste uzadi la nekompareblajn ecojn de la Lingvo Internacia, kiel lingvo-ponto por kontaktigi diverslandajn pacorganizaĵojn, helpi interŝanĝon de la sperto en la porpaca agado. Ekstreme gravas personaj kontaktoj inter la pacagantoj, unuavice, inter MEM-anoj. Por tiu ĉi celo necesas krei MEM-sekciojn en ĉiu lando de la mondo, kie ekzistas progresemaj esperantistoj. La sukcesa agado de la MEM-sekcioj en Belgio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Japanio kaj en kelkaj aliaj landoj montras la vojon irendan por ĉiuj MEM-sekcioj.

En 1979 la Fondkonferenco de Asocio de sovetiaj esperantistoj (ASE) decidis organizi Sovetian Nacian MEM-sekcion. Nun estas fonditaj MEM-sekcioj en sovetiaj respublikoj: Estonio, Latvio, Litovio, Armenio, Ukrainio kaj en multaj urboj de Rusia Soveta Federacia Socialista Respubliko (RSFSR). Estas ellaborataj planoj de aktiva porpaca agado, celonta efektivigi larĝskale la sloganon „Esperanto servu pacon". Unu el ĝiaj planeroj estas aktivigo de la sovetiaj esperantistoj en la packomitatoj — landa, respublikaj, regionaj, urbaj — starigo de konstantaj kontaktoj kun alilandaj MEM-sekcioj kaj MEM-aktivuloj, organizado de la pacmovadaj konkuroj, direktitaj al trovo de la plej efikaj formoj kaj agadmetodoj de peresperanta pacagado.

La decido de MEM-estraro fondi en la MEM-sekcioj tradukservon havas tre grandan signifon por plialtigo de la MEM-agado: ĝi devas sekvigi grandan kreskon de la tradukaĵoj, uzindaj en „Paco" kaj „Pacaktivulo", inkluzive de la beletraj. Tiuj ĉi materialoj povas fariĝi objekto de interŝanĝo por la MEM-sekcioj, uzontaj ilin en la nacia gazetaro La Sekretariaro de Sovetia MEM-sekcio rekomendis al ĉiuj respublikaj MEM-sekcioj senprokraste fondi la tradukservojn.

Necesas atenti la agadon de du movadoj, kiuj havante siajn proprajn celojn, multe kontribuas al la pacmovado: temas pri diverslandaj amikec-societoj kaj la movado de ĝemeliĝintaj urboj. MEM-sekcioj povas helpi ĉi-tiujn organizaĵojn per organizado de peresperantaj kontaktoj inter iliaj lokaj organizaĵoj diverslandaj. Tiuj el ili, kiuj ne posedas eblon dungi diverslingvajn tradukistojn, volonte uzados helpon de la MEM-sekcioj.
La nuna politika situacio en la mondo, aktiviĝo de la monda reakcio kaj kreskinta minaco de la milito postulas de ĉiuj homoj de bona volo, inkluzive de MEM-anoj plialtigon de nivelo de ilia agado.

### Grava materialo

Todor Jivkov: Raporto de la Centra Komitato de Bulgara Komunista Partio antaŭ la 12a Kongreso kaj la antaŭstarantaj taskoj de la partio. Sofia (Sofja Pres), 1981, 106 p.
La broŝuro krome entenas la paroladonde la Generala Sekretario de la Bulgara Komunista Partio ĉe la fermo de la 12a Kongreso (4. aprilo 1981). Ambaŭ paroladoj donas analizon de la soci-ekonomia kaj kultura situacio de la bulgara ŝtato kaj karakterizas la plenumendajn taskojn. Havebla ĉe Bulgara Esperanto-Asocio (Bulv. Hristo Botev 97, Sofio).

# UEA-Seminario en Bad Saarow

Kiel konate Universala Esperanto-Asocio laboras laŭ diversaj decidoj de la Komitato kaj de la Estraro por realigi la celojn difinitajn en la statuto. Gravan rolon ludas ĉe tio la Bazaj Laborplanoj. En la jaro 1973 en Beograd la Komitato akceptis la Trian Bazan Laborplanon, kiu listigas multajn gravajn taskojn realigendajn de UEA. Dum la daŭro de preskaŭ 10 jaroj kompreneble kolektiĝis multaj spertoj ĉe la realigo de tiu plano kaj amasiĝis tuta aro da problemoj, sugestoj, vidpunktoj pri la agado de la Asocio por la estonteco, tiel, ke ĉiam pli kaj pli sentiĝis la neceso a) intensive diskuti pri *bazaj* problemoj de la estonta agado de UEA kaj b) ellabori Kvaran Bazan Laborplanon. La komitata komisiono pri planado ekdiskutis pri la ĉefaj trajtoj de tia nova plano en la jaro 1978. Sed rapide montriĝis, ke kompilado de plano kiel katalogo de ĉio farenda ne kondukos al kontentiga rezulto. Dum la Universalaj Kongresoj ĝenerale mankis la tempo pli profunde diskuti pri la plano kaj pri la diversaj bazaj problemoj ligitaj al ĝi. Grava helpo estis aro da tre utilaj intensivaj seminarioj pri unuopaj problemoj de la agado de la esperantistoj, i. a. la seminario de TEJO 16. – 21. 6. 1980 en Strasburgo sub la temo „Internacia komunikado: aplikado de Esperanto“, la seminarioj pri apliko de Esperanto en scienco kaj tekniko 1978 kaj 1981 en Žilina (ĈSSR) kaj 1980 en Usti n. L. (ĈSSR). Gravan rolon ankaŭ ludis la seminarioj „Sciencaj aspektoj de Esperanto“ 1978 en Ahrenshoop (GDR) kaj „Socipolitikaj aspektoj de Esperanto kaj ĝia movado“ 1979 en Bad Saarow (GDR). Fine de oktobro 1981 30 personoj diskutis en Rotterdam pri informado. Ni citis nur kelkajn ekzemplojn. Dum la diversaj diskutoj dum- kaj eksterkongresaj reliefiĝis kelkaj gravaj vidpunktoj, i. a. pri la du ĉefaj agaddirektoj: 1. prioritata agado inter influhavaj, decidopovaj rondoj (ekz. sciencistoj, politikistoj, amasmediuloj k. t. p.), t. e. la tiel nomita „desuprismo“ kaj 2. la prioritata agado inter la amasoj, la disvastigo kaj aplikigo de Esperanto en la lernejoj, t. e. la tiel nomita „desubismo“. (Interkrampe: Klare, ke temas pri du flankoj de unu afero, dialektike kunligendaj.)

Evidentiĝis sufiĉe forte, ke necesas pli da trankvilaj laborformoj por iom pli profunde diskuti ĉefajn agadproblemojn de UEA kaj nur *post* tio formuladi la Bazan Laborplanon. Por iom helpi al tio Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR ofertis al la Estraro de UEA organizi programseminarion por la Komisiono Planado de la Komitato. Tiu seminario okazis de la 16a ĝis 21a de oktobro 1981 en la kvalifikejo (somere: ripozejo) de Kulturligo en Bad Saarow, en bela regiono ĉe Scharmützel-lago, 100 km oriente de Berlin. La seminarion partoprenis entute 34 personoj el 14 landoj. Al ili apartenis de la Estraro de UEA ties prezidanto Gregoire Maertens (Belgio) la vicprezidanto d-ro Renato Corsetti (Italio), la ĝenerala sekretario d-rino Flora Szabo-Felsö (Hungario) kaj la estraranoj prof. d-ro Humphrey Tonkin (Usono, prezidinto de UEA) kaj Petar Todo-

rov (Bulgario). Krom tio ĉeestis la membroj de la Komisiono pri Planado Tibor Vasko (Hungario) kaj d-ro Detlev Blanke (GDR) (al tiu komisiono ankaŭ apartenas Renato Corsetti kiel ĝia gvidanto, kaj Flora Szabo-Felsö). Partoprenis plue (krom la menciitaj) gekolegoj el Belgio: Edward Symoens; Britio: Anna Brennan, Grahame Leon-Smith; Bulgario: Nikola Aleksiev; Danlando: Preben Bagger; Francio: d-ro Francois Lo Jacomo; Federacia Respubliko Germanio: d-ro Werner Bormann kaj Elsbeth Bormann; GDR: Michael Lennartz, Achim Meinel, Rudolf Burmeister, Wera Dehler; Hungario: prof. d-ro Otto Haszpra, Imre Szabo; Jugoslavio: Zlatko Tiŝljar; Nederlando: Hans Bakker, Jeanette Bakker; Pollando: d-ro Jerzy Leyk, Eva Kuligowska; ĈSSR: de ĈEA Zdenko Křimsky, Vlastimil Kočvara, Stanislav Papirnik, de AESSR: Milan Zvara, Vladimir Nemec.

En trankvila kaj senformala atmosfero la partoprenintoj, kiuj ĉiuj havas gravajn postenojn en la landaj asocioj aŭ/kaj en UEA, intensive — sed tute ne elĉerpe — diskutis pri la estonta agado de UEA, inter alie tre amplekse pri la agadoj kaj iniciatoj okaze de la 100-a datreveno de la publikigo de Esperanto, pri kio prezentis provizoran planon prof. d-ro Humphrey Tonkin. La provizora rezulto estas la „Tabelo de Saarow", kiu distingas kiel ĉefajn plansegmentojn 1. informado (interna/= edukado/ kaj ekstera), 2. instruado, 3. aplikado kaj 4. rimedoj.

Tiu tabelo kun multaj subpunktoj, la diskutrezultoj pri la plano „Centjariĝo de Esperanto" kaj aliaj materialoj estas grava paŝo antaŭen por ellaboro de la Kvara Baza Laborplano, kiu ne fariĝu katalogo de ĉiu farebla kaj farenda sed enhavu la ĉefajn agadliniojn. Aldone oni verŝajne ellaboros rekomendojn aŭ konsilarojn por helpi al la realigo de la unuopaj planaĵoj. Pleje gravas, kompreneble, ke la Landaj Asocioj laŭ siaj specifaj eblecoj, kunrealigu kiel eble plej bone tiun planon.

La partoprenintoj ankaŭ aŭskultis kelkajn interesajn prelegojn ekster la programo. La direktoro de la UEA-oficejo pri sciencteknikaj aferoj en Budapest, prof. d-ro Otto Haszpra, prelegis pri „la traeŭropa akvovojo". Zlatko Tiŝljar el Zagreb prezentis la rezultojn de statistikita parola Esperanto kaj tiris interesajn konkludojn por la pretigo de lernolibroj. Grahame Leon-Smith prelegis pri la rilatoj inter Esperanto kaj komputiloj kaj sukcese ludigis aron da seminarianoj ĉe sia kunportita komputilo.

En aparta kunsideto la delegitoj de Esperanto-Asocio en KL de GDR (cetere, oni proponis la mallongigon: GoDoREA) informis la ĉeestantajn estraranojn de UEA pri kaŭzoj kaj rezultoj de la fondo de la Asocio, esprimis sian kontentecon pri la UEA-seminario en GDR kaj ofertis al la Estraro organizi similan teorian seminarion por la fino de 1982, eble pri la kadra temo „Metodologiaj aspektoj de la scienc-teknika apliko de Esperanto".




D-roj W. Bormann kaj R. Corsetti antaŭ la Tabelo de Saarow

Kompreneble la gastoj abunde uzis la eblecon por du- kaj pliflankaj interparoloj oficialaj kaj malpli oficialaj, por refreŝigaj promenoj en la arbaro-riĉa ĉelaga regiono. Unu tago estis dediĉita al la konatiĝo kun la ĉefurbo de GDR, dum kiu la Unua Vicĉefsekretario de Kulturligo, d-ro Gerhard Mertink, akceptis la gastojn kaj ilin informis pri la agado de Kulturligo.

La seminarion finis iom malpli planafera vespero, pri kiu tiuj, kiuj plane seminariis, certe ankaŭ havos agrablajn rememorojn. Prof. Tonkin ankoraŭ restis kelkajn aldonajn tagojn en Berlin, renkontiĝis (kune kun d-ro F. Lo Jacomo) kun estraranoj de la Medicinista Fakrondo, partoprenis grupvesperon de la grupo Berlin-Lichtenberg kaj faris literatursciencan fakprelegon antaŭ profesoroj kaj studentoj de la sekcio anglistiko / amerikanistiko de Humboldt-Universitato Berlin (GDR).

La tuta seminario, kiu okazis en tre neformala, kolegeca, kreiva kaj diskutoplena atmosfero, verŝajne estis indiko pri komenco de nova etapo en la rilatoj inter UEA kaj ties landa asocio en GDR.

D. Blanke

## GDR-libroj mendeblaj

Laŭ la librokatalogo de GDR (por eksporto) „Nova“ n-ro 19/81 eksterlandaj libroimportentreprenoj povas mendi la du Esperanto-vortarojn de E.-D. Krause (Esperanto—Deutsch, Deutsch—Esperanto), kiuj aperis fine de 1982 en novaj eldonoj. Sovetiaj esperantistoj mendu en siaj librovendejoj por eksterlandaj libroj laŭ la adreso: 125 299 - Moskva, ul. Kosmonavta Volkova 19, magazin Nr. 124, knigi na inostrannyh jazikah. La katalogo Nova 17/1981 ankaŭ proponas la libron de D. Blanke „Planlingvo kaj nacia lingvo“ (en la germana, vidu „de“ 6/81, p. 136) kaj en ĉi-tiu n-ro p. 12 + 14.

### Prof. d-ro Tonkin en nia klubo

La 23an de novembro 1981 la Esperanto-klubo en Berlin-Lichtenberg havis tre agrablan surprizon. Ĉeestis la prezidinto de UEA, d-ro Humphrey Tonkin/USONO, profesoro por angla-amerika literaturo. Kiel ĉiam imponis al ni lia modesteco kaj lia klara parolmaniero. Prof. Tonkin antaŭe partoprenis la UEA-seminarion e Bad Saarow. La multaj demandoj al la gasto temis i. a. pri la Esperanto-movado en Usono, pri la problemo de la neŭtraleco, pri UEA. Prof. d-ro Tonkin emfazis la gravecon de Esperanto por la mondvasta interkomprenigo de la popoloj kiel esenca antaŭkondiĉo por la paco. Li substrekis sian pozitivan impreson pri la vivnivelo en GDR kaj pri la spirite akceptemaj GDR-anoj, kio laŭ li estis multe pli bona ol laŭ imagoj de la usonanoj. Por niaj klubanoj eksterordinara travivaĵo!

H. Mittag

## 66 - a UK: Kongresa rezolucio

Universala Esperanto-Asocio, kunsidante en Brazilio de la 25a de julio ĝis la 1-a de aŭgusto 1981, dum la 66a Universala Kongreso de Esperanto, kiun ĉeestas pli ol 1700 partoprenantoj el 50 landoj.

- *notante* la danĝeron de ĉiam pli fortiĝanta influado de la amaskomunikiloj en la direkton de senindividuigo de la homoj en la moderna amassocio,
- *notante* la minacon de ĉiam pliiĝanta submetiĝo de la homoj al unudirekta influado de informoj, al kiuj ili ne havas ŝancon reagi krom pasive,
- *notante,* ke kultura influado de la grandaj lingvoj de la hodiaŭa mondo tendencas subigi kaj eventuale forigi la malgrandlingvajn kulturojn kaj senigi ties anojn de la rajto je propra kulturo, atentigante pri la celoj de la Internacia Lingvo Esperanto krei ponton inter la popoloj kaj tiel kontribui al vera interkomuniko inter ĉiuj homoj sur la terglobo sur neŭtrala lingva bazo,
- *konstatas,* ke aktiva partopreno de la individuo en kultura interagado estas ebla nur tiam, kiam li/ŝi disponas pri „pontoj" permesantaj dudirektan komunikadon,
- *konstatas,* ke la Internacia Lingvo Esperanto jam pruvis siajn kapablojn servi kiel taŭga dudirekta ponto inter diferencaj kulturoj,
- *konstatas* la etikan valoron de la Internacia Lingvo Esperanto en interhoma kaj interpopola komunikado,
- *alvokas* al individuoj, etnaj grupoj, nacioj, ŝtatoj kaj internaciaj organizaĵoj agnoski la atingojn kaj valorojn de la Internacia Lingvo Esperanto kaj ĝian potencialon krei plenkomunikan ponton inter la diversaj kulturoj de la mondo, cele al formiĝado de aktiva kaj konscia kulturo, kaj reprezenti, sur internacia skalo, la plej altajn homajn valorojn kaj aspirojn.

## Informado kaj argumentado IX (aldono)

**Claude Piron: Kiel superi la reziston?**

*En la kadro de seminario de TEJO „Internacia komunikado, aplikado de Esperanto“, kiu okazis de 16.—21. junio 1980 en Strasburgo, Francio, prelegis Claude Piron, psikologo kaj tradukisto, pri temo, kiun ankaŭ ni traktis sur la paĝoj de nia revueto, nome kielmaniere eviti ofte ripetatajn erarojn en la informa laboro. Ni represas parton de la prelego, kiu aperis sub la titolo „Kiel superi la reziston?“ en la priseminaria broŝuro.*

La plej grava afero estas ke la venkendaj kontraŭstaroj staras en neracia, primitiva tavolo de la personeco. Tial, sperto multe pli gravas ol rezonado kaj argumentoj.

Do montru kaj aŭdigu, sed modere. Se persono aŭ tuta publiko estas superŝutita per lavango de dokumentoj, ĝi mobilizos, eĉ nekonscie, siajn psikologiajn defendojn.

Kaj tio transirigas min al alia grava principo, tute paradoksa: Rezignu la deziron konvinki. Estas paradokse doni tian konsilon, ĉu ne? Por komprenigi al vi mian penson, mi provu enŝovi nuanceton: Ne deziru konvinki, sed konvinki estu via celo. Ne estas la sama afero, ĉar kio ĝenas, psikologie, ne estas via celo, sed via deziro, pro tri kaŭzoj. Unue, se vi deziras konvinki iun, vi agresas, vi deziras ŝanĝi la personon. Neniu ŝatas senti sin atakata, aŭ malsupera, aŭ ŝanĝota. Due, se oni deziras ion, oni emas timi la kontraŭon. Kaj kiam kaŭras en ni ideo pri ebla fiasko, eĉ se ĝi estas tre bone kaŝita, tiu ideo agas sur nia konduto, kaj ĝi registriĝas ĉe nia aŭdantaro. Trie, la deziro konvinki ne respektas la liberecon de la alia. Se vi informas aŭ donas viajn opiniojn, vi plene respektas la aŭtonomecon de via kunparolanto. Sed se vi metas multe da energio en provon konvinki, la alia sentas ke vi volas decidi anstataŭ li, kaj ke vi ne fidas je lia inteligenteco.

Alia maniero esprimi la saman ideon estas jena: se vi deziras konvinki, vi iĝas la patro aŭ patrino kiu scias, kio estas bona kaj ĝusta. Nu, plenkreskuloj ne ŝatas senti sin traktataj kiel infanoj. Se vi nur informas, vi traktas la alian kiel plenkreskulon, kiu mem decidos kion li rigardu ĝusta kaj bona. Via sinteno estu: „Mi laboras por ke Esperanto progresu; sed en ĉi tiu nuna okazo, kiam mi prelegas, aŭ diskutas kun amikoj aŭ kolegoj, aŭ verkas artikolon, al mi estas tute egale, ĉu oni kredos min aŭ ne, mi ne deziras ilin ŝanĝi, mi plene respektos ilian eventualan mankon de intereso, aŭ ilian principan kontraŭstaron“. Sed ne faru al vi iluziojn. Tiu sinteno tute ne estas facila. Do, ne skoldu vin, se ne prosperas al vi ĝin havi unuafoje.

Tio alvenigas min al alia psikologia principo. Por eviti preni pozicion de supereco, dekomence alprenu pozicion de malsupereco, lude kaj humore. Ekzemple, diru: „Jes, vi tute pravas, Esperanto estas artefarita, malnatura afero kaj verŝajne ne povas funkcii. Sendube estas ia mensa manko en ni — „mankas klapo en nia kapo“ — kiu malhelpas nin percepti tiun nefunkciadon. Kiam ja ni troviĝas el dek landoj kaj ridas kune en kafejo vigle babilante en Esperanto, ni havas la iluzion ke ni agas tute nature. Uzi simple buŝon kaj orelojn por interkompreniĝi devas esti ne tre natura maniero komuniki, dum vi, kun viaj dratoj, viaj mikrofonoj, viaj aŭdiloj, tute certe trovis la plej naturan sistemon.“

Kompreneble tiaj diroj ne funkcias se ili estas tro ironiaj. Se vi sentas vin sarkasma, strečita, supera aŭ malsupera al via kunparolanto, ne uzu tiun formulon. Sed alimaniere, la kontraŭdirema tendenco de via aŭskul-

tanto produktos la penson: „Tiu verŝajne estas multe malpli freneza ol li prezentas sin.“ Oni ja ne forgesu ke homo estas estaĵo ekstreme kompleksa. Estas vere ke ekzistas tendenco kontraŭ Esperanto, sed ekzistas ankaŭ io kio inklinigas kredi vin. Mi opinias eĉ ke la defendo estas nur periferia, kaj ke la centra parto de la personeco tute pretas akcepti vian vidpunkton. Estas tre grave scii ke la kontraŭstaro estas supraĵa — kvankam ĝi povas esti tre forta — ĉar precize tio povas helpi vin malstreĉiĝi. Se vi scias, ke malantaŭ la komenca rezisto troviĝas preteco vin akcepti, vin plenigos optimisma, fida sento kiu igos vin plej celtrafa.

Ni do devas progresigi nian konscion sur du flankoj. Ni devas konscii kiel kaj kial nia vidalvidulo pretas defendi sin. Sed ni devas ankaŭ konscii, kial ni mem ne trovas tuj la ĝustan, efikan sintenon. Trovi tiun sintenon estas malfacile, pro nia nekomforta pozicio. La socio ĝenerale vidas la „Esperantan“ parton de ni aŭ neekzistanta, aŭ absolute senvalora. Tio vundas nin, des pli ke ni ĝuas specon de interkulturaj rilatoj, ofte profunde amikaj, kiujn ni ne povas komuniki al la cetera mondo. Nur spertante oni ekkonas.

Por helpi nin malstreĉiĝi kaj rezigni la deziron konvinki, ni devas ankaŭ pripensi la fakton ke la meza homo ne akceptas la ideon de internacia lingvo unuafoje, kiam li konatiĝas kun ĝi. Meznombre, homo ekkonscias ke la afero estas serioza kaj subteninda, nur kiam li estis en kontakto kun ĝi tri aŭ kvar fojojn. Sekve, kiam ni parolas pri Esperanto, kiam ni montras esperantaĵojn aŭ prezentas la lingvon, ni konsciu ke ni estas nur unu el la elementoj en tuta ĉeno de konvinkfaktoroj, kaj ni fidu al tio, ke aliaj venis antaŭe aŭ venos poste por kompletigi nian kontribuon.

Estas ankaŭ grave esti bone informita kaj ne misformi la faktojn. Kiam vi respondas al demando per faktoj, kaj ne juĝoj aŭ opinioj, tio tuŝas la neracian parton de la psiko. Via aŭdanto pensos:

„Tiu videble estas kompetenta pri la afero, kaj tamen li ne volas trudi al mi ion ajn. Li akceptas ke mi kontrolu mem, aŭ ke mi atendu antaŭ ol difini mian juĝon. Li do estas fidinda homo.“ Tia sinteno tre helpas malfortigi la defendmeĥanismojn.

Parenteze, mi kompilis sliparon kun ĉiuj antaŭjuĝoj kaj kritikoj kontraŭ Esperanto. Nu, mi konstatis ke la kontraŭargumentoj estas ĉiam la samaj. Mi ankaŭ konstatis tion, farante mian enketon pri la psikologia rezisto kontraŭ Esperanto. Estus interese listigi tiujn kontraŭargumentojn, kaj noti la eblajn psikologiajn faktorojn, kiuj sub ili kuŝas. Utilus, ke la varbantoj aŭ informantoj sciu precize kiel respondi.

Du pliajn aferojn mi volas citi ankoraŭ. Unu estas la diferenco inter la homoj rilate la latentan simpation aŭ antipation al Esperanto. La defendmeĥanismoj kontraŭ Esperanto povas esti tre fortaj ĉe unuj, tre malfortaj aŭ eĉ ne ekzistantaj ĉe aliaj. Laŭ usona studo, homoj principe favoraj al la ideo de internacia lingvo distingiĝas de la principe malfavoraj per malsama pozicio rilate al espero: ili havas pli fortan senton de espero ĝenerale en la vivo. La dua punkto estas: kiel entute iniciati la kontakton kun Esperanto. En privataj konversacioj estas facile mencii la komunikproblemon kaj ĝian solvon per Esperanto.

**Termine 1982**

1. Bitte korrigieren Sie den Termin für die III. Esperanto-Ferien auf dem Internationalen Campingplatz Krossinsee (b. Berlin), vgl. „der esperantist“ Nr. 110, S. 143: 12. — 24. September 1982.
2. Das 2. Esperanto-Pionier-Treffen findet vom 12. — 16. Juli 1982 im Pionierpark Ernst Thälmann in Berlin statt. Interessenten (nur aus der DDR) melden sich bitte bei Fritz Wollenberg, 1035 - Berlin, Finowstr. 23. (Vgl. Bericht über das erste Treffen in „der esperantist“ Nr. 110, S. 136.)

*Manfred Arnold*

# Ĉu germana au angla?

(Pri germanaj vortoj en Esperanto)

Preskaŭ ĉiu germana aboco-lernanto koncerne al Esperanto interalie lernas la germandevenajn vortojn „hundo“ kaj „ŝranko“. Li ĝojas pri la facileco de la E-vortaro, kaj li esperas, ke ankaŭ la resto de la lingvo estu tiom simpla. Pli malfrue li ofte estas seniluziigita kaj kelkfoje li „ĵetas sian pafilon en grajnan kampon“, kiel la germano kutimas diri anstataŭ „rezigni“. Estus bone, ke li scius jam komence, ke la kvoto de germanaj (ne ĝermanaj!) vortoj en Esperanto estas tre limigita, sed aliaparte li sciu, kiuj kaj kiom da germanaj vortoj vere ekzistas en Esperanto. Ankaŭ mi interesiĝis pri tio.

Dum mia laboro pri vortaro de fremdvortoj en germana lingvo mi interalie devis trastudi PIV-on (Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto). Ĉe tio mi trovis ĉiujn vortojn, kiuj povus esti germanaj (mi pro tio esprimas min tiel singarde, ĉar multe da tiuj ĉi vortoj ankaŭ havas anglan konformaĵon). La kreinto de Esperanto laŭ mia kono nur parolis du ĝermanajn lingvojn: germanu kaj anglan. El unu de tiuj du lingvoj Dr. Zamenhof prenis la por ni konatajn vortojn, sed el kiu?

La komparo de la germanaj kun la anglaj vortoj en tabelo montris unuajn rezultojn: Mi trovis 98 vortojn en Esperanto, kiuj tute ne havas anglajn konformaĵojn kaj pro tio klare estas germandevenaj. Ili estas:

amboso, balgo, baco (Batzen), bedaŭri, bildo, blazo, bremso, bubo, drato, ebeno, fadeno, farbo, firsto (First), fliki, flustri, fremda, garbo, glata, grafo, gruzo (Grus), guldeno, haki, hamstri, haŭto, hela, helero (Heller), hipo (Hippe), hupo, juki, keglo, kejlo, kerna, kitelo, klapo, klaĉi, klingo, klinko, knabo, knari, koboldo, kolbo, koto, kuglo, lagro, laŭbo, luko, mopso, mufo (Muffe), nito, flegi, fuŝi, plumpa, kvasto, rando, razeno, raŭpo, rebo, reko (Reck), ŝalti, ŝaŭmo, ŝinko, ŝmaci, ŝmiri, ŝnuro, ŝranko, ŝuldo, ŝvebi, zorgi, ŝparkaso, splito, spuro, ŝpuro, staplo, staŭdo, stifto, strando, stromo, zumi, talero, taŭgi, torfo, traŭbo, treti, forlasi, vando, vango, velki, vimplo kaj viŝi.

Alia grupo da vortoj pro tio devus esti germana kaj ne angla, ĉar la analoga germana vorto pli konformas al E-vorto ol la angla. Kiel pruvo mi aldonas la anglan vorton (la germana ja estas konata). Jen la 80 vortoj:
Boko (buck), brusto (breast), budo (booth), danki (to thank), dika (thick), dorno (thorn), ebena (even), faldi (to fold), floso (Floß; angla: float), flugo (flieght), gala (gallig; angla: *bitter as* gall), glazuro (glaze), grundo (ground), haro (hair), halti (to hold), hejmo (home), helmo (helmet), hisi (to hoist), hundo (hound aŭ dog), jaro (year) kerno (kernel), klaĉo (clash), krabli (to creep), kramfo (cramp), lasi (to let), lato (lath), laŭta (loud), ledo (leather), leki (to lick), maŝo (mesh), melki (to milk), miaŭi (to mew), monato (month), nabo (nave), nadlo (needle), nordo (north), pirolo (oriole), kviki (to squeak), ripo (rib), rudro (rudder) segi (to saw), ŝafo (sheep), ŝajni (to seem), ŝmira (smeary), ŝveli (to swell), ŝviti (to sweat), somero (summer), zorgo (sorrow), ŝpari (to spare), ŝpato (spade), ŝpini (to spin), ŝpico (spitz), splinto (split pin), sproto (sprat), stabo (straff), ŝtalo (steel), stamfi (to stamp), stango (stake), ŝteli (to steal), ŝtofo (stuff), stoplo (stubble), strebi (to strive), sturmo (storm), sudo (south), tago (day), trinki (to drink), trogo (trough), ferdeko (deck), varo (pl. wares), verko (work), veto (bet), veti (to bet), vetero (weather) kaj vundo (wound).

Tria grupo ankaŭ havas anglajn konformaĵojn — eĉ tre similajn —, sed tiuj ĉi vortoj miaopinie estas aŭtentike germanaj, parte pro ilia historia deveno. Estas jenaj:

Edelvejso, (feld)marŝalo, feldspato, gildo, gnejso, hamstro (vidu supre!), hanso, jodli, junkro, kobalto, klinkero, maato, marko, markgrafo, nikelo, omo (Ohm), pfenigo, platformo, puĉo, saŭrkraŭto, umlaŭto, valso kaj vermuto.

Ĝis ĉi tie ni havas entute 202 germanajn vortojn sed estas aliaj 79 vortoj, kies germanaj kaj anglaj konformaĵoj estas tiom similaj, ke mi ne kuraĝas decidi ilian devenon. Kiam mi — kiel kutime — prenas la vortaron „Der Große Duden", eldono 1979, kie por ĉiu fremdvorto la deveno estas notita, tiam tiuj vortoj sen escepto estas germandevenaj.

La kaŭzon por tiu simileco oni trovas en la historio de ambaŭ lingvoj. Kiel pruvo mi aldonas tabelon, en kiu ne nur la vortoj en Esperanto, germana kaj angla estas entenataj, sed ankaŭ — kiom eble — la anglosaksaj (por la anglaj) kaj la malnovgermanaj (por la germanaj) konformaĵoj. Kelkaj vortoj ne havas anglosaksan, sed malnovnordan konformaĵon. La indikojn mi prenis el la libro „Kleines etymologisches Wörterbuch der deutschen Sprache" (Malgranda etimologia vortaro de la lingvo germana) de Ernst Wasserzieher. Ĉi-foje nun tiuj-ĉi vortoj:

| Esperanto | germana | malnovgermana | angla | anglosaksa |
|---|---|---|---|---|
| baki | backen | bacchan | bake | bacan |
| balasto | Ballast | ▪ | ballast | ballast (mnn) |
| basto | Bast | ▪ | bast | ▪ |
| bero | Beere | beri | berry | berie |
| bindi | binden | bintan | bind | ▪ |
| blinda | blind | blint | blind | blind |
| bloko | Block | ▪ | block | ▪ |
| bori | bohren | boron | bore | borian |
| fali | fallen | fallan | fall | feallan |
| falo | Fall | ▪ | fall | ▪ |
| fasti | fasten | fasten | fast | fasta (mnn) |
| fajli | feilen | fihala (Feile) | file | feol (Feile) |
| felo | Fell | völ | fell | fell |
| fingro | Finger | fingar | finger | finger |
| firno | Firn | firni (firn) | firn | fyrn (firn) |
| fiŝo | Fisch | fisc | fish | fiskr (mnn) |
| flanĝo | Flansch | ▪ | flange | ▪ |
| floko | Flocke | flocho | flock | ▪ |
| frosto | Frost | ▪ | frost | ▪ |
| galo | Galle | galla | gall | gealla |
| glaso | Glas | glas | glass | ▪ |
| haveno | Hafen | ▪ | haven | haevene |
| halo | Halle | halla | hall | healla |
| hardi | härten | harti (hart) | harden | ▪ |
| hufo | Huf | huof | hoof | hof |

| Esperanto | germana | malnovgermana | angla | anglosaksa |
|---|---|---|---|---|
| kaŭri | kauern | • | cower | kura (mnn) |
| kilo | Kiel | kiol | keel | kjoll (mnn) |
| knedi | kneten | knötan | knead | cnedan |
| krabo | Krabbe | • | crab | crabba |
| kreso | Kresse | chresso | cress | • |
| kripo | Krippe | krippa | crib | cribb |
| lama | lahm | lam | lame | lame (mnn) |
| lando | Land | lant | land | land |
| laŭso | Laus | lus | louse | lus |
| lerni | lernen | lirnen/lörnen | learn | leornian |
| masto | Mast | mast | mast | mastr (mnn) |
| milda | mild(e) | milti | mild | mildr (mnn) |
| murdi | morden | • | murder | • |
| mevo | Möwe | • | mew | maew |
| niplo | Nippel | • | nipple | • |
| nudelo | Nudel | • | noodle | • |
| okso | Ochse | ohso | ox | oxa |
| ofta | oft | ofto | often | of(n) |
| paki | packen | • | pack | • |
| pluki | pflücken | • | pluck | pluccian |
| plugi | pflügen | phluog | plough | plog |
| pudelo | Pudel | • | poodle | • |
| pufo | Puff(kissen) | • | pouf(fe) | • |
| kvaki | quaken | • | quack | • |
| ramo | Ramme | • | ram | • |
| rato | Ratte | ratta | rat | raet |
| rifo | Riff | • | reef | rif (mnn) |
| ringo | Ring | (h)ring | ring | hring |
| runo | Rune | • | rune | run |
| ŝildo | Schild | scild | shield | sceld |
| ŝuo | Schuh | scuoh | shoe | scoh |
| ŝultro | Schulter | scultarra | shoulder | sculdor |
| ŝuti | schütten | • | shoot | |
| sendi | senden | senten | send | sendan |
| sinki | sinken | sinkan | sink | sincan |
| spano | Spanne | spanna | span | • |
| spindelo | Spindel | spinala | spindle | • |
| stalo | Stall | stal | stall | • |
| stando | Stand (Kiosk) | • | stand | • |
| stinki | stinken | stinkan | stink | • |
| forgesi | vergessen | firgözzan | forget | • |

| Esperanto | germana | malnovgermana | angla | anglosaksa |
| --- | --- | --- | --- | --- |
| vakso | Wachs | wahs | wax | weahs |
| varma | warm | war(a)m | warm | varmr (mnn) |
| veki | wecken | wecchan | wake(n) | ▪ |
| vintro | Winter | wintar | winter | winter |
| vringi | wringen | ▪ | wring | ▪ |
| zinko | Zink | zinko | zinc | ▪ |

Mi ne scias, ĉu ie ekzistas simila esploro pri tiu temo. Tial mi petas la estimatajn legantojn pri respondo, se ili scias pli multe pri tio. Min interesas unue tri demandoj:

a) *Ĉu iu konas aliajn germandevenajn vortojn en Esperanto, kiujn mi eble ne atentis aŭ ne trovis?*

b) *Ĉu io ne estas korekta en miaj priskriboj, ĉu estas mankoj?*

c) *Kiu kapablas helpi ĉe la disigado de la germanaj disde la anglaj vortoj en la supra tabelo?*

Ĝenerale por mi ne gravas, ĉu iu vorto en Esperanto devenas el la angla aŭ el la germana lingvo, sed eble oni povas klarigi la devenon de tiuj ĉi ĝermanspecaj vortoj.

## Zu empfelende Studie

D. Blanke: „Plansprache und Nationalsprache. Einige Probleme der Wortbildung des Esperanto und des Deutschen in konfrontativer Darstellung." (Akademie der Studien, Reihe A; Arbeitsberichte, Nr. 85. 1. Auflage, 1981, 162 Seiten. Preis: 4,— M.)
der stilistischen Nuancierung u. a. innerhalb der beiden Sprachsysteme ebenfalls
Die vorliegende Studie — eine gekürzte, zugleich aber auch aktualisierte Fassung der Dissertation A — bietet eine problem- und faktenreiche Zusammenschau von Kriterien für die Einschätzung der Leistungsfähigkeit des Esperanto. Das vom Verfasser gewählte Verfahren der Gegenüberstellung konkreter Erscheinungen im Deutschen und in der Plansprache Esperanto, vornehmlich konzentriert auf substantivische, adjektivische und verbale Wortbildungsmodelle, schafft eine solide Grundlage für interdisziplinäre Diskussionen und Untersuchungen zur Nutzung des Esperanto; außerdem bewahrt es vor einer Glorifizierung, vor Einseitigkeit bei einer Beurteilung von Ethnosprache oder Plansprache.

Die einführenden Kapitel — auf Grund des bisher geringen Literaturangebots interlinguistischer Spezifik recht umfangreich gehalten — berühren Probleme der Wechselwirkung zwischen Gesellschaft und Sprache, des Verhältnisses von Spontaneität und Planmäßigkeit in der Sprachentwicklung, der Einteilung von Sprachen nach ihrer Entstehung bzw. nach ihrer Funktion. Eine linguistische Charakterisierung des Esperanto, in der sowohl die naturalistische als auch die schematische Komponente in der Wortschatzstruktur in ihrer dialektischen Einheit hervorgehoben werden, leitet zu einer Darstellung des Morpheminventars über; hier sind es vor allem Hinweise auf die morphologische und semantische Wortbildungsmotivation, die dem Leser Grenzen und Möglichkeiten eines jeden sprachlichen Kommunikationsmittels bewußtmachen.

Die detaillierte Analyse von Wortbildungsverfahren im Deutschen und im Esperanto behandelt die Zusammensetzung, die Ableitung (explizite und implizite Ableitungen) und die Präfixbildung; gemäß dieser Reihung werden Substantive, Adjektive und Verben im Deutschen und im Esperanto erklärend und in tabellarischen Übersichten dargeboten, wobei Erscheinungen der Sprachökonomie und der Redundanz, der Dekretierung und der Idiomatisierung, der Sachsteuerung und der silistischen Nuancierung u. a. innerhalb der beiden Sprachsysteme ebenfalls angeschnitten werden. Als Fazit seiner Untersuchungen unterstreicht der Verfasser

(Schluß Seite 14)

H.-J. Hüßner

# Denove pri personecforma efiko de Esperanto

En „der esperantist" n-ro 103 (5/80) oni povis legi miajn tezojn pri la personecforma efiko de la okupiĝo pri Esperanto (p. 100 — 102). Mi ricevis kelkajn skribajojn preskaŭ nur konsentajn. Pro tio mi nur respondas al la postrimarkoj de la redaktoro.

**Demando 1:** Ĉu vere Esperanto servas (ĉiam? aŭtomate?) rekte al la evoluo de la socialisma socio (tezo 1)?

**Respondo:** Laŭ marksisma-leninisma vidpunkto mi nomas la personecon socia kategorio kaj aprobas la frazon de Sève: „. . . ĉe la ĝeneralaj historiaj formoj de la individueco ĉio estas socia — ĝis la fakto de la individueça formo mem, la fakto, ke la sociaj rilatoj ekzistas kiel individuaj vivprocesoj, do mallonge la historia esprimo de la antaŭa biologia fakto, do reproduktiĝas kaj evoluas la homa gento kiel ĉiu speco kiel ensemblo de individuoj." [1])

La personeco (individuoj estas principe personecoj, sendepende de moralaj kvalitoj) laŭ tio estas ero de la socio. Pro tio efiko je la personeco estas efiko je la socio.

Ankaŭ alia frazo, de Lenin, montras tion:

„La konscio de la homo ne nur reflektas la objektivan mondon, sed ankaŭ kreskigas ĝin." [2])

Sekve instruado efikas je la konscio de la personeco, kiu estas socia kategorio, kaj pro tio ĉiam rekte je la socio. Ĉe tio oni devas atenti la multflankecon kaj la tre diversan efikon sur individuaj personecoj. Sed la unuopaj efikoj komune influas la evoluon de la socio kiel tuton.

Alia opinio estas aŭ ne marksisma-leninisma aŭ venas el la diferencoj de la nocioj „individuo" kaj „personeco". Sed ankaŭ tio ne estas scienca, ĉar la nocio „individuo" estas multsenca.

1. La nocio „individuo" povas ekzemple signifi unuopan homon, sen interligo kun socia karakterizo. La memstara uzo de tiu nocio tiam nur estas distingilo inter homo kaj besto.

2. La nocio „individuo" povas signifi individuecon (Individualität). Sub tio komprenendas proksimume la tuto de denaskaj kaj akiritaj fizikaj kaj psikaj ecoj. Sed per tio oni nur diferencigas unu individuon de ĉiuj aliaj.

3. La nocio „individuo" ankaŭ povas signifi portanto de la individua konscio kiel socia individuo, kiel reprezentanto de certa klaso aŭ tavolo de la socio.

La nocio „individuo" sekve ne sufiĉas. Ni rigardas la tutan homon kiel unuon de siaj individuaj kapablecoj kaj ĉiuj sociaj funkcioj, kiujn la homo plenumas: do, la personecon. Diferencoj nur estas kvalitaj diferencoj de etika speco.

**Demando 2:** Ĉu tiel klare estas diferenco „ĉu ano de antagonisma klassocio sin dediĉos al Esperanto-instruado aŭ ĉu tion faros socialisma personeco" (tezo 2).

**Respondo:** Tiu demando ne estas tiel simple respondebla. Uledow kaj Sève montris tre ĝuste, ke la evoluon de la konscio oni ĉiam devas vidi sub konsidero de la konkreta historia situacio, kiu ĉiam produktas precizan tipon de konscio. [3]) Inter socia ekzisto kaj socia konscio ekzistas du specoj de kaŭzosekvo-rilatoj. La unua posedas gnoseologian karakteron, ĉar okazas subjektiva reflektado de la socia ekzisto. La dua karakterizas la socian interdependecon (soziale Bedingtheit) de la socia konscio kaj de la socia ekzisto, ĉar diversaj sociaj klasoj okazaĵojn konceptas kaj prijuĝas diversmaniere. Ĉi-tie ekzistas kaŭza rilato, ĉar la analogiaj flankoj de la socia ekzisto necesigas analogan konceptmanieron.

Tiu interdependeco postulas distingon inter scienc-teoria kaj ĉiutaga konscio. La teorioj, ideoj, kiuj estas ekstarintaj en iu socio, kiuj fariĝis scienca sistemo, reflektas la staton de la scienc-teoria konscio kaj certigas depende de ilia vera enhavo la efikon de la homoj je la socia ekzisto. Ni tamen distingas scienc-teorian kaj ĉiutagan konscion, ĉar teorioj kaj ideoj de la socio ne povas doni plenan informon pri la konscio de la amaso, kiu estas determinita plej ofte de la emocia sfero. La scienc-teoria konscio kaj la ĉiutaga konscio do ne estas samaj. Ili nur estas du ebenoj kaj estas veraj sub gnoseologia aspekto. La ĉiutaga konscio same kiel la scienc-teoria konscio estas sociaj produktoj kaj rezultas el la kolektiva kaj subjektiva respegulado, sed la ĉiutaga konscio neniam atingas la ebenon de la scienca ĝeneraligo.

Analogajn rilatojn ni trovas en la sfero de la persona konscio. Ankaŭ la persona konscio estas socia produkto, sed havas la karakteron de individueco. La persona konscio estas la konscio de unuopa homo, sed la socia konscio estas

amasa apero. Ĝiaj sferoj estas fiksitaj enhave kaj kvalite de eduko kaj instruo kaj ideologiascienca agado. Tiuj influoj efikas nature ankaŭ je la evoluo de la persona konscio, sed la unuopa personeco estas limigita en la ekkono per la konkretaj kondiĉoj de sia vivo (ekzemple instruo, personaj vivkondiĉoj k. t. p.). Tial la personeco en sia konscio ne povas enhavi la tutan socian ekziston. La necesa sekvo devas esti mankoj en la reago je la aperaĵoj de la objektiva realeco. La persona konscio estas esence influita de la socia konscio. Por tio ekzistas strukturaj elementoj de gnoseologia kaj socia specoj. Al la gnoseologia speco mi kulkulas — konsiderante la dialektikon inter socio kaj personeco — scion, povon, kapablecojn, lertecojn kaj ekkonojn. Kiel elementoj de sociologia speco mi prenas komprenojn, certecojn, konvinkojn, idealojn, bezonaĵojn, sentojn, karakteron k. a.
Tiel ekestas la personecaj tipoj en la konscia tipo. Personecaj tipoj estas diferencaj ŝtupoj de la aktiva sinteno al klasinteresoj, diferencaj ŝtupoj de la konscia rimarko kaj atingo de tiuj klasinteresoj. [4])

Marx diris:
„La pensoj de la reganta klaso estas en ĉiu epoko la regantaj pensoj, tio signifas la klaso, kiu estas la reganta materia potenco en la socio estas samtempe la reganta spirita potenco ... La regantaj pensoj estas nenio alia ol la idea esprimo de la regantaj materiaj rilatoj, kiuj ĝuste faras klason al la reganta, do la pensoj de sia regato." [5])

Do, la sociaj rilatoj kreskigas la konscian tipon, kiu ĉion entenas. Ĉar la scienc-teoria kaj la persona konscio ne kongruas, ekestas vasta kampo kiel konscia tipo, ekestas la personecaj tipoj, kiuj tamen estas profunde kunligitaj kun la socialisma socio. La socialisma homo vivas sub aliaj determinaĵoj, kondiĉoj, kun aliaj konvinkoj, spertoj k. t. p. La socialisma homo posedas aliajn celojn kaj eblecojn. Tial edukado kaj instruado depende de la sociaj rilatoj devas gvidi al diversaj rezultoj.

**Demando 3:** Ĉu vere (ĉiam?) Esperanto „ne povas krei malakceptan tendencon en la sfero de la internaj kondiĉoj de la personeco?"

**Respondo:** Atenta leganto de mia skizo konstatos, ke tiu aserto rilatas al malakcepta tendenco el nacia vido. Neŭtrala lingvo ne povas ofendi naciajn sentojn. Certe povas ekzisti malakcepta tendenco, ĉar personeco povus rigardi Esperanton kiel malamikon kontraŭ la gepatra lingvo. Sed tiam ne kulpas Esperanto tiun sintenon sed malĝusta konvinko pri la graveco de la gepatra lingvo.
Ankoraŭ respondendas kritiko el unu el la skribaĵoj. La aŭtoro de tiu kritiko skribis, ke la asertoj ne ĉiam estas pruvitaj. Mi nur faris asertojn kiuj estas pruvitaj aŭ per pripensado de la modernaj sciencaj esplorrezultoj aŭ per konsultoj de esperantistoj aŭ per ambaŭ eroj de la esplormetodoj. Sed la kritika kontraŭargumento rilatas la grandecon de la konsultgrupo. La konsultgrupo entenis 10 % de niaj membroj. Laŭ sociologia vidpunkto tio estas granda grupo, kiu liveras valorajn atestojn de tiu graveco.

---

[1]) Sève, L.: Marxismus und Theorie der Persönlichkeit, Berlin 1972, S. 144

[2]) Lenin, W. I.: Konzepte zu Hegels „Wissenschaft und Logik", in: Werke, Bd. 38, Berlin 1964, S. 203

[3]) Vergl.: Uledow, A. K.: Die Struktur des gesellschaftlichen Bewußtseins. VEB Deutscher Verlag der Wissenschaften, Berlin 1972, und
Sève: Marxismus und Theorie der Persönlichkeit ,A. a. O.

[4]) Vergl. das ganze Kapitel: Hußner, H. J.: Der Einfluß der öffentlichen Meinung auf die Herausbildung sozialistischer Grundüberzeugungen. Päd. Hochschule Erfurt 1972 (nicht veröffentlicht)

[5]) Marx, K., Engels, F.: Werke, Bd. 3, Berlin 1958, S. 46

(Fortsetzung von Seite 12)

die Bedeutung der Elastizität des Esperanto für seinen Einsatz auf literarischem und terminologischem Gebiet sowie die im Vergleich zu bisherigen Vermutungen vorhandene hohe Gemeinsamkeit dieser Plansprache mit den Ethnosprachen.

Auf ungenügend untersuchte oder bislang nicht analysierte Probleme der Interlinguistik bzw. der Esperantologie wird verschiedentlich (z. B. S. 49 und S. 130) aufmerksam gemacht. In den „Anmerkungen" sind für den Planspracheninteressierten Kurzdarstellungen einiger Plansprachenprojekte aufschlußreich.

Für eine zweite Auflage dieser sehr zu empfehlenden Studie bedarf es einer genaueren Untergliederung innerhalb der Dezimalklassifikation im Kapitel V, einer Konkretisierung des ziemlich diffusen Begriffes „heuristischer Aspekt" (S. 3), einer Differenzierung zwischen „Nationalsprache" und „Staatssprache" (S. 16), einer parallel zu den Ethnosprachen vorzunehmenden Einteilung der Plansprachen nach **unterschiedlichen** Kriterien (etwa: Struktur; kommunikative Funktion) (S. 17 f) und einer (man verzeihe mir die Pedanterie!) geringfügigen Druckfehlerberichtigung (S. 27: präskriptiv statt preskriptiv; S. 51: iz/danie statt iz/dania).

T. Dahlenburg

# Esperanto en scienco kaj tekniko

## Rezolucio

de la konferenco APLIKO DE ESPERANTO EN LA SCIENCO KAJ TEKNIKO (AEST) okazinta en Žilina (Ĉeĥoslovakio) dum la tagoj 1981. 08. 14/17

La konferencon partoprenis 152 fakuloj el 13 landoj (Aŭstrio, Britio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, FGR, GDR, Hungario, Italio, Japanio, Jugoslavio, Pollando, Rumanio, Sovetunio) per 54 prelegoj. Venis reprezentantoj de jenaj institucioj: Domo de Sindikatoj en Žilina, Ministerio de Popola Klerigo de Bulgara Popola Respubliko, Hungara Landa Komputoscienca Asocio, Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Asocio de Esperantistoj en Slovaka Socialisma Respubliko, Bulgara Esperanto-Asocio, Hungara Esperanto-Asocio, kaj Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR.

Laŭtempe oni dediĉas atenton ĉefe al jenaj temoj: tendencoj kaj taskoj de la apliko de Esperanto en la scienco kaj teĥniko; Esperanta terminologio; Apliko de komputiloj; protektado de la vivmedio; kaj krome al pluraj aliaj gravaj disciplinoj de scienco kaj teĥniko.

La partoprenintoj de AEST '81

1. **Konstatis,** ke la konferenco kontentige plenumis siajn taskojn: liveron de multaj sugestoj por plua faka laboro; atingon de konsiderinda scienca nivelo signife kontribuanta al interŝanĝo de fakaj ekkonoj; efektivigon de neformalaj kontaktoj inter la fakkolegoj kaj per tio kreon de kondiĉoj por pliprofundigo de internacia kunlaboro de specialistoj; pli efikan kunordigon de agadoj por fakaj aplikoj de Esperanto;

2. **rekomendas** ankaŭ estonte kaj ankaŭ en aliaj landoj okazigadi samtipajn, iom universalajn aranĝajojn kun celo de postŝtupa transirado al pli specialigitaj seminarioj, simpozioj kaj konferencoj;

3. **alte taksas** la prezenton de la japana filmo pri Hiroŝima kaj Nagasaki, esprimante sian fortan proteston kontraŭ nuklea vetarmado kaj alvokante la sciencistojn de la tuta mondo subteni la pacbatalon en siaj landoj;

4. **aparte emfazas** neceson plej vaste kunlabori kun la Budapeŝta oficejo de UEA (Scienc-Afera Centro de UEA), ke ĝi povu efike plenumadi sian informan, rekomendan kaj kunordigajn taskojn;

5. **urĝe atentigas** pri la neceso klopodi, ke pliboniĝu organizaj rilatoj inter UEA kaj aliĝintaj fakaj asocioj, la eldonado kaj distribuado de fakaj periodajoj, libroj, vortaroj ktp.;

6. **esprimas dankon** al Asocio de Esperantistoj en Slovaka Socialisma Respubliko kaj al Domo de Sindikatoj en Žilina, kiuj ebligis kaj eksterordinare sukcesigis la konferencon.

Žilina, 17. 08. 1981

Ĉeestantoj de la konferenco

## Rekomendoj de SAEST '81

(vidu la raporton en „de" 6/81, p. 130)

1. Universala Esperanto-Asocio kaj ĉiuj iom gravaj esperantistaj fakaj asocioj trovu la manieron por plifaciligi la oficialan partoprenon de fakuloj el kiel eble plej multaj landoj en la laboro por la scienca aplikado de Esperanto. Oni sugestas, ke, ekzemple, tiuj fakaj asocioj laboru kiel fakaj sekcioj de la internaciskale jure rekonita kaj prestiĝa UEA.
2. La landaj asocioj kun iom forta sciencista-teknikista membraro klopodu de tempo al tempo aperigi periodajkarakterajn kajerojn, publikigantajn ĉefe ellaborajojn de sialandaj sciencistoj (se eble, el iu elektita fako).
3. La eldonantoj de la ĉi-supre menciitaj kajeroj kaj de la aliaj E-lingvaj sciencaj periodajoj trovu la manieron, ke tiuj eldonajoj, do la Esperanta „scienca revuaro", estu komune aboneblaj. La transpagaj obstakloj povus mildiĝi, eĉ ĉesi, se la paĝnombro de la unulande produktita(j) kajero(j) estos proporcia kun la abonantaro en la opaj landoj, dum la eldonnombro de ĉiu revuo estus egala al la tutmonda nombro de la abonantoj.
4. La esperantistaj fakaj instancoj (grupoj, komisionoj, sekcioj, asocioj) de la E-movado klopodu fari kontaktojn kun neesperantistaj fakaj organizajoj prezentante ĉu skribe ĉu buŝe la eblojn de Esperanto en la faka komunikado kaj akirante moralan kaj financan helpon de tiuj organizajoj.
5. La esperantistaj fakaj instancoj kaj aktivaj unuopuloj kreu vivan kontakton kun la Scienc-Afera Centro de UEA en Budapeŝto kaj informu ĝin pri siaj iom gravaj atingoj kaj planoj, por ke la Centro povu efike plenumi sian informan, rekomendan kaj kunordigajn taskojn.
6. La esperantistaj fakuloj kaj instancoj abonu la Budapeŝtan Informilon, en kies Scienca Rubriko la Scienc-Afera Centro de UEA aperigos ĉiujn informojn kiuj estas gravaj kaj interesaj koncerne la aplikadon de Esperanto por sciencaj kaj teknikaj celoj.

7. Ĉiuj fakuloj, kiuj kapablas lingve kaj fake altnivele fari krean, tradukan aŭ/kaj revizian laboron, anoncu sin al la Scienc-Afera Centro de UEA, ke ĝi per ilia helpo pli sukcese povu plenumi sian sciencan eldonagadon.

8. Ĉiuj esperantistaj fakuloj permanente altigu sian lingvonivelon kaj terminologian kulturon por povi profunde ekspluati la precizan esprimpovon de la simpla gramatiko, elaste uzi kaj disvolvi riĉan, nuancitan vorttrezoron esprimi siajn pensojn en klare komprenebla, vere scienca stilo kaj, ankaŭ, por povi altnivele kontribui al la disvolvo de siafaka Esperanto-terminologio.

9. La centraj movadaj instancoj estas atentigataj pri urĝega neceso de direktado de terminologia disvolvo de Esperanto, de kunordigata kaj oficiala normigado terminologia kaj pri grava danĝero minacanta pro prokrastado de ĉi tiu agado, ĉar Esperanto — nur se ankaŭ fake evoluinta — povas fariĝi konkurkapabla kun la alte evoluintaj kaj rapide plu evoluantaj „mondlingvoj".

Bratislava, 1981-08-22

Inĝ. Aleŝ Bednařik

## Scienca eldona centro de UEA:

BUDAPEŜTA Esperanto-Centro de UEA pri Eldona kaj Sciencteknika Agadoj, kiu oficiale ekfunkciis komence de aprilo 1981, jam partoprenas diversajn fakajn laborojn kaj planas multajn aliajn. Ni ĉi tie provas resumi tiurilatan raporton, kiun dum majo faris la gvidanto de la Centro prof. d-ro Ottó Hazpra.

La Centro okupiĝas i. a. pri la kunordigado de kelkaj terminologiaj laboroj, kiel ekzemple: orient-eŭropa varianto de la 9-lingva Internacia komerca-ekonomika vortaro; kolektiva verko 4-lingva Radioteknika terminaro, kun 847 terminoj en Esperanto, angla, hungara kaj rusa; Fakvortaro de la publika instruado, 3-lingva, kun pli ol mil terminoj; Industria kooperativa fakvortaro, 6-lingva, kun ĉ. 800 terminoj. Ĉiuj ĉi verkoj estas en diversaj preparstadioj, kaj la laboro okazas kunlabore kun la Terminologia Centro de Internacia Scienca Asocio Esperantista pere de ties gvidanto akademiano Rüdiger Eichholz en Kanado. La Centro faris detalajn eldonproponojn pri jenaj fakaj verkoj: Ĉu vi konas la Teron? (Capitroj el la geologiaj sciencoj) de d-ro Endre Dudich (la manuskripto estas preskaŭ prespreta); Navigacia regularo, oficiala kolekto de navigaciaj reguloj (la traduko atendas revizion); Naturscienca enciklopedieto, de kvardeko da germanaj sciencistoj el GDR (okazas detalaj sondoj pri la granda traduklaboro, kiu verŝajne daŭros kelkajn jarojn); Kompendio de la organika kemio de d-rino Ilona Gál (la manuskripto preta kaj kontrolita). Krome, la Centro planas transpreni la eldonadon de „Sciencaj Komunikajoj", faka kajero, kiu ĝis nun aperadis suplemente al la periodajo „Budapeŝta informilo".

(Esperanto, 7—8/1981, p. 126)

## Internaziaj Esperanto-aranĝoj en Hungario 1982

O — Organizanto, A — Adreso,
K — Kotizo, Ad — Aliĝdato

**Zamenhof Internacia Pacmarŝo (ZIP) en Zebegény, 7. — 9. 5. 1982**

O: Budapeŝta Komitato de HEA: Departementa Komitato de HEA en Pest
A: Budapest, Pf. 153, H-1443
K: 250 Ft.
Ad: 15. 4. 1982

**15a Pionira Internacia Tendaro (PIT) en Zánka, 30. 6. — 13. 7. 1982**

O: Teritoria Komitato de HEA
A: Pécs, Pf. 2, H-7601
Ad: 30. 1. 1982

**20a Somera Esperanto-Universitato (SEU) en Gyula, 4. — 10. 7. 1982**

O: Konsilantaro de SEU
A: Gyula, 48-as u. 11, H-5700
K: 1600 Ft.
Ad: 1. 6. 1982

**4a Centra Internacia Esperanto-Laborbrigado (CEL)**

O: Junulara Komisiono de HEA
A: Budapest, Pf. 193, H-1368
Ad: 15. 5. 1982

**Medioprotekta Laborbrigado en Szentendre, 4. — 17. 7. 1982**

O: Junulara Komisiono de HEA
A: Budapest, Pf. 193, H-1368
Ad: 31. 5. 1982

**15a Internacia Renkonto Naturamika (IREN) en Abaliget, 19. — 28. 7. 1982**

O: Teritoria Komitato de HEA
A: Pécs, Pf. 2, H-7601
K: 1600 — 2600 Ft.
Ad: 15. 6. 1982

**Somera Esperanto-Lernejo en Eger (SELE), 2. — 14. 8. 1982**

O: Departementa Komitato de HEA en Heves
A: Eger, Pf. 105, H-3301
K: 2600 Ft.
Ad: 1. 7. 1982

**12a Vintra Esperantista Ferio (VEF) en Budapest, 28. 12. 1982 — 2. 1. 1983**

O: Budapeŝta Komitato de HEA
A: Budapest, Pf. 153, H-1443
K: 2300 Ft.
Ad: 30. 11. 1982

## Laste aperis 3

Elekto el laste aperintaj titoloj en aŭ pri Esperanto (komparu „de" 5/1980):

— D-ro Jekyll kaj s-ro Hyde (1885), Robert Louis Stevenson. El la angla trad. A. Goodheir. Coatbridge: Karolo, 1980, 70 p.
— Du intervjuoj: Interparoloj kun Kálmán Kalocsay kaj William Auld. Reinhard Haupenthal. Saarbrücken: Artur E. Iltis, 1979, 28 p.
— Esperanto: eine linguistische Standortbestimmung. Claude Piron. El Esperanto trad. G. Benar. Saarbrücken: Saarländischer Esperanto-Bund, 1980, 30 p.
— Riporto skribita en la pendumila maŝo. Julius Fučik. El la ĉeĥa trad. R. Hromada k. a., Prago 1979, 110 p.
— Esperanto dum 30 tagoj. 30 nap alatt eszperantóul. Josefo Horváth. Budapest: Magyar Eszperantó Szövetseg 1979, 290 p.
— Esperanto-serbokroata vortaro. Stevan Živanoviĉ kaj Marinko Gjivoje. Zagreb/Pisa: IKS/Edistudio 1979, 4-a eld. 238 + 16 p.
— Interlingvistiko kaj esperantologio (1950). W. Manders. Saarbrücken: Artur E. Iltis 1980 (fotorepreso), 76 p.
— Steloj de Eger (1901), Géza Gárdony. El la hungara tr. V. Benczik. Budapest. Hungara Esperanto-Asocio 1979, 51 p., ilustrita bildstria adaptaĵo de romano.
— Telekomunika vortaro 10-lingva. Redaktis (por Esperanto) Rüdiger Eichholz. Bailieboro. Terminologia Centro de ISAE, 1979, 98 p.
— Hieroglifo. Julia Prióro. Antverpeno/La Laguna TK/Stafeto, 1979, 96 p.
— Metropoliteno. V. Varinkin. El Esperanto tr. Marta Evano. Anglalingva traduko de unu el la plej gravaj originalaj romanoj en Esperanto. TK/Stafeto, 1979, 312 p.
— Rikardo tria. W. Shakespeare. El la angla tr. John Francis. Glasgow: Kardo, 1980, 177 p.
— Catalog of the George Alan Connor Esperanto Collection kompilis Karin Smith/Susan Haake. Eugene: University of Oregon Library, 1978, 221 p.
— Ĉu vi parolas tendare? (1974) Renato Corsetti/Mauro La Torre. Roterdamo/Sarajevo: 1980, 64 + 27 p. Kurso por labortendaroj.
— Enkonduko al literatura kritiko. Giorgio Silfer, Kuopio/Lieĝo, Someraj Universitataj Kursoj 1978, 44 p.
— Esprimo de sento en Esperanto (1930), Edmond Privat, Den Haag 1980, 61 p. Klasika studo pri stilo de Esperanto
— Histoire de la langue universelle (1903) Louis Couturat/Leopold Leau. Hildesheim/New York (Olms-Verlag) 1979, 31 + 576 + 8 + 112 + 8 + faldita tabelo.
— Klopodis organizi, sed vane! Jam kompletigota plena verkaro de L. L. Zamenhof, vol. 7. Kioto: Eldonejo Ludovikito 1980, 446 p.
— La longnazulo. Wilhelm Hauff. El la germana trad. Reinhard Haupenthal. Saarbrücken: E. Iltis 1980, 36 p.
— Por kaj kontraŭ reformoj! Iam kompletigota plena verkaro de L. L. Zamenhof, vol. 8. Kioto: Eldonejo Ludovikito, 1980, 383 p.
— Studoj pri la Esperanta literaturo. Vilmos Benczik. Takasago: La kritikanto, 1980, 143 p.
— Fervoja terminaro Esperanta-sveda. Harry Bengtsson. Sveda Esperanto-Fervojista Asocio 1976, 6 + 169 p.
— Floranta branĉeto; Poezio kaj prozo por infanoj. Ljuba Bojaĝieva kaj Miĥail Cobanov. Plovdiv/Sofio 1980, 66 p.
— Internacia Komunikado: Aplikado de Esperanto. Red. Yves Bellefluille k. a., Rotterdam TEJO, 1980, 48 p.
— Konsultlibro pri Esperanto-bibliotekoj kaj muzeoj. Marinko Ĝivoje. Zagreb, 1980, 56 p.
— Kvindek jarojn. Nikola Aleksiev. BEA, Sofio, 1980, 32 p.
— Okdek jaroj, Esperanto-movado en Plovdiv, Kr. Sofroniev, Sofio BEA, 1980, 66 p.
— Participoj kaj konjugaciaj formoj en Esperanto. Olav Reiersol. Oslo 1980, 91 p.
— Translation course in Esperanto for advanced studento, A. F. R. Banham, 1979, 8 + 176 p.
— Tresorinsulo. Robert Louis Stevenson El la angla trad. G. Kirkwood. Glasgow: Kardo 1980, 6 + 181 p.
— Esperanto-persa vortaro. Mahmud Moŝkeri, Teheran 1980, 16 + 350 p.

— La metodo 11. Paris: Union Française pour l'Esperanto 1980, 76 p. Rapida kurso, en dek lecionoj. Vortprovizo limigita al ĉ. 500 plej oftaj radikoj.

— Pekoj d l'infaneco (1883), Boleslaw Prus. trad. A. Grabowski, Varsovio: Pola Esperanto-Asocio. 1980

— Pendumilaj lidoj. Kristiano Morgenŝterno. trad. Rikardo Ŝulco. Gerlingen, Bleicher-Verlag 1980, 108 p.

— Plena analiza gramatiko de Esperanto. K. Kalocsay, G. Waringhien. Rotterdam: UEA, 1980, 4a tralaborita eldono de la iama „Plena Gramatiko". La plej detala kaj fidinda priskribo kaj preskribo de la ĝusta uzado de Esperanto. La normverko sur sia kampo. 599 p.

— Monato. Internacia magazino, aperas monate, 40-paĝa, ĉefredaktoro Stefan Maul, eld. Torben Kehlet/Stafeto Brasschaat (Belgio)

— Tito. D. Stuparić, M. Krleža, I. Borovečki. Trad. diversaj. Zagreb: Kroatia Esperanto-Ligo / Internacia Kultura Servo, 1980, 121 p.

— Zamenhof, Creator of Esperanto (1960), Marjorie Boulton. London: Routledge and Paul Kegan, 1980 (represo), 12+223, p., il. Anglalingva versio de la plej bona biografio de Zamenhof ĝis nun kun informoj ankaŭ pri la Movado de post lia morto, precipe pri la naziaj persekutoj

— Heraldiko, veksikologio, Terminaro en Esperanto, Jaroslav Klement. České-Budéjovice: Esperanto-Klubo „La Progreso", 1979, ĉirkaŭ 200 p. ilustrita, mimeografita. Plurlingva gvidilo al la legado de blazonoj kaj flagoj

— La klasika periodo. Enkonduko, notoj kaj tradukoj el la franca de Gaston Waringhien. Ascoli Piceno: Eldono Gabrielli 1980, 252 p.

— Niaj aŭtoroj sin prezentas al vi. Almanaketo poezia. Praha: Ĉeĥa Esperanto-Asocio. 1980, 15 p.

— Ni stenografas. Wilhelm kaj Hans Wingen. Bailieboro: Esperanto Press 1980, 40 p.

— Paŝoj al plena posedo (1968), William Auld. (Madrido - Heroldo de Esperanto, 1980, 4a eldono)

— Ĉu li venis trakosme? Johán Valano (= C. Piron). Antverpeno/La Laguna: TK/Stafeto 1980, 144 p., Kriminalromano

— Diccionario de bolsillo Esperanto—Espanol y Espanol—Esperanto (1967), J. Paluzie-Borrell, Barcelona: Editorial Romń Sopena, 1980 (reviziita eld.) 383 p. Poŝvortaro kun 25 000 vortoj + gramatiko

— Malgranda pola—Esperanta kaj Esperanta—pola fervojista vortaro. Bydgoszcz: Pola Esperanto-Asocio 1978, 12 p.

— Matematiko translimen (n-ro 5). Gerard Cool, Parizo: Internacia Asocio de Esperantistoj Matematikistoj, 1980, 40 p.

— Medunarodni jazik esperanto u ŝkole. Email Grbo. Sarajevo. La aŭtoro. 1980, 327 p.

— Zakwoordenboekje Esperanto—nederlands, nederlands—Esperanto. A. de Wit, Federatie von Esperanto-organisaties in Nederland, 1981, 94 p.

**Atentigo:**
Pro diversaj petoj ricevitaj lastatempe mi atentigas, ke la ĉi-rubrike listigitaj libroj **ne** estas riceveblaj ĉe GDREA. Per tiu rubriko ni sole celas informi la legantojn pri aperintaj valoraj Esperanto-libroj. Oni komprenu la listojn kiel bibliografion kaj ne kiel libro-oferton.

## Bücher aus Ungarn 4

Novaj libroj, eldonitaj de Hungara Esperanto-Asocio

Bitte nutzen Sie auch die Angebote und Informationen in „der esperantist" 5/79 (97), 6/79 (98), 1/81 (105) und 6/81 (110).

— Asen Grigorov: Gardu la pacon! Originalaj kaj tradukitaj poemoj. Budapest 1980, ISBN 963 571 0674, 118 p.

— Kalman Kalocsay: Kiel verki kaj traduki poemojn? Du studoj. Budapest 1979, ISBN 963 571 074X, 26 p.

— Frighyes Karinthy: Vojaĝo al Faremido. Kapilario. La kvina kaj sesa vojaĝoj de Gulivero. Budapest 1980, ISBN 963 571 0453, 182 p.

— Naĉo Kemalov: Naŭ jaroj en la infero. Travivaĵoj de bulgara antifaŝisto. Budapest 1980, ISBN 963 571 0720, 110 p.

— Albert Lienhardt: Amuzaj dialogoj en Esperanto. Por faciligi al novuloj lerni paroli la internacian lingvon. (850 didaktikaj demandoj kaj respondoj). Budapest 1980, ISBN 963 571 0712, 140 p.

— Heltai Jenö: La morto kaj la kuracisto, Dulingva novelo (Esperanto kaj hungara). Trad. Ladislav Somlar, Hungara Esperanto-Asocio. Budapest 1981, ISBN 963 571 0909, 18 p.

— Mark Twain: (bildstrioj) Aventuroj de Tom Sawyer 4,50

— Kalocsay: Tutmonda Sonoro. 700-paĝa ĉefverko de la granda tradukisto. 581 poemoj de 185 poetoj el 30 lingvoj kun entute pli ol 18 000 versoj 50,—

— I. Szerdahelyi: Praktika Gramatiko. Parto I: Grafiko 10,—

— To Hoc Quoc Te Ngu: Esperanto (Lernolibro por vjetnamoj, mendu ĝin kaj donacu ĝin al viaj vjetnamaj amikoj) 10,—

Redaktas: Dieter Berndt

# Legu kaj lernu! Lies und lerne! (12)

**El la historio de poŝtmarkoj**

Okazis en la komenco de la 19-a jarcento. La tra Anglio ruliĝis radoj de poŝtveturilo. Krom homoj la veturilo transportis ankaŭ kelkajn sakojn kun poŝtaĵoj. La veturilo proksimiĝis al malgranda urbo kaj ĉiuj, eĉ la ĉevaloj, jam ĝojis je paŭzo en la loka gastejo. Inter la vojaĝantoj estis juna viro, Rowland Hill. Ĉi tie li travivis momenton, kiu garantiis al li eternan famon. Almenaŭ inter filatelistoj.

Multaj homoj atendis la poŝtveturilon. Dum tiu tempo estis ricevo de letero sufiĉe multekosta afero, ĉar pagi devis tiu, kiu la leteron ricevis. Ofte okazis, ke iuj eĉ rifuzis akcepti la leterojn pro la alta prezo.

Inter la homoj sinjoro Hill vidis junan knabinon, kiu senpacience atendis la veturilon. La poŝtisto donis al ŝi leteron kaj postulis pagon. Sed la knabino ruĝiĝis kaj kun rideto redonis la koverton al la poŝtisto. Sinjoro Hill volis helpi al ŝi, pagis la sumon al la poŝtisto kaj donis la leteron al la knabino. Sed ŝi tute ne dankis al li kaj rigardis lin kun kolero en la okuloj. Poste ŝi klarigis al li la aferon. Ŝia frato, kiu vivas en malproksima loko sendis al ŝi la leteron. La nura alveno de la letero signifis, ke li fartas bone. Ĉar la knabino ne havis monon por pagi, la letero iris reen al la frato. Kaj laŭ interkonsento inter la gefratoj tio signifis, ke ankaŭ la fratino fartas bone. Do, la poŝto transportadis informojn tien kaj reen tute senpage.

Sinjoro Hill pripensis la aferon kaj proponis al la poŝto de Britio postuli antaŭpagon por la transportado de leteroj kaj tiujn signi per iu glumarko. Oni aranĝis konkurson pri la plej bona glumarko. Venis pli ol 300 proponoj, sed gajnis tiu de Hill, kiu proponis desegni la kapon de reĝino Viktoria.

Kaj la 6-an de majo 1840 aperis la unuaj poŝtmarkoj. Do, historia dato por la filatelistoj.

**Klarigoj:**

ruliĝi — sich drehend fortbewegen (rollen) (rul-iĝ-i);
rado — Rad;
poŝtveturilo — Postwagen (poŝto + veturilo);
transporti — befördern;
sako — Sack;
poŝtaĵo — Postsache (poŝt-aĵ-o);
paŭzo — Pause;
gastejo — Gasthaus (gast-ej-o);
travivi — erleben, durchmachen (tra + vivi);
eterna — ewig;
multekosta — teuer (multe + kosti);
rifuzi — ablehnen, sich weigern;
prezo — Preis (Kaufpreis, nicht Preis in einem Wettbewerb);
senpacience — ungeduldig (sen + pacienco);
redoni — zurückgeben (re-doni);
sumo — Summe;
antaŭpago — Vorauszahlung (antaŭ + pago);
glumarko — Klebemarke (glui + marko);
gajni — gewinnen;
desegni — zeichnen;
dato — Datum.

## El Rumanio

**La kvara ĉiujara tutlanda interkonsiliĝo de Kolektivo Esperanto-Interlingvistiko (S. R. Rumanio, Timisoara, 18 — 20. sept. 1981)**

Diference de la antaŭaj jaroj, la lasta Interkonsiliĝo de K. E. I. komenciĝis per debato pri la „Demokratiigo de la internaciaj scienc-kulturaj rilatoj", aranĝita de la kolektivo kunlabore kun la loka filio de Societo de filologiaj sciencoj, en kiu partoprenis per referajoj, kiel invititoj, anoj de la partia Akademio „Stefan Gheorghiu" de Bukureŝto.

La debaton malfermis per salutparolo k-do Const. Potângă, sekretario de la Distrikta komitato Timis de R. K. P. Flanke de la Akademio prezentis referaĵojn univ. doc. d-ro V. Duculescu, la ĉefaj sciencesploristoj Al. Coroianu, d-ro I. Râduicâ, d-ro Eugenia Stefan, al kiuj apudiĝis d-ro V. Isac (Hunedoara). Antaŭitaj de la **Tezoj** prezentitaj de prof. d-ro I. F. Bociort, sekvitaj de du kunreferajoj (de doc. d-ro Apreotesei kaj stud-ino M. Dobre), la referaĵoj vekis apartajn atenton kaj intereson, kion pruvis sekvatage la vigla dialogo inter la ĉeestantaro kaj referintoj, kompletigita per dek unu intervenoj el la vicoj de la aŭskultintaro. Entute la debato enfokusigis la intereson je la neceso kaj racieco de demokratiaj, neŭtralaj solvoj de la problemo en la titolo vortumita.

La E-renkontiĝo mem disvolvis siajn laborojn ekde la 19. 9. komencante per la organiza kunsido. Al la koncizaj raportoj pri la agado plenumita depost la IIIa Interkonsiliĝo (bv. vd. der esperantist n-ro 2 (106), 1981, p. 39 — 40), prezentitaj antaŭ la partoprenantaro el Baia Mare, Brasov, Bukureŝto, Caransebes, Constanta, Mizil, Odorheiu Secuiese, Resita, Roman, Sibiu, Timisoara, Tirgu Secuisc k. a., aldoniĝis ĉi-jare ankaŭ tiu de la Junulara sekcio de K. E. I. (rer. stud. Fl. Bociort). Tiukadre, oni proponis kaj unuanime akceptis la estigon de 10 aliaj subkolektivoj (de la filologoj, de la ekonomiistoj, de la matematikistoj-komputilistoj k. s.) por tiel kovri la diversbranĉan agadon kaj la interfakajn priokupiĝojn de la kolektivo.

Posttagmeze de la sama tago, sub la gvido de doc. d-ro C. Apreotesei, okazis la scienca sesio. Oni prezentis 19 komunikaĵojn, tuŝitajn tre diversajn aspektojn de E-o: didaktikan kaj metodikan (prof. V. Albu, Sibiu; prof. T. Macovei, Mizil; Stela Truta, Bukureŝto; prof. C. Birjoveanu, Roman; prof. C. Bilous-Nagy, Odorhei; C. Florescu, Bukureŝto), kibernetikan (d-ro I. Terejneu, Brasov), teknikan (inĝ. D. Hehn, Timisoara), lingvajn kaj literaturajn — traktinte originalan kaj tradukitan literaturon (prof. d-ro A. Vraciu; d-ro A. Boia; O. Nica; lekc. d-ro S. Otasevici; d-ro M. Kretzulescu; prof. E. Preda; lekc. d-ro I. Bettisch; stud-inoj M. Dobre k. L. Turmac; asist. C. Dominte). De pli vasta intereŝiĝo estis la komunikaĵo de tekn. M. Vochin: **Rumana kontribuo al la internacia E-movado.**

Menciindas la apero, inter la antaŭlasta kaj lasta interkonsiliĝoj, de du novaj lerniloj: **Dictionar esperanto—român si român—esperanto** (la dua parto: **Dictionar român—esperanto**), Univ. de Bukureŝto, 1980, kaj prof. d-ro I. F. Bociort, **Curs de gramatica limbil esperanto,** Univ. de Timisoara, 1981 (jam reeldonita ĉi-jare).

Vespere de la 19. 9. okazis **Interkona vespero,** dum kiu oni omaĝis la veteranon I. Bunea-Bunescu, prezidanto de la E-klubo en Bukureŝto, pro lia 74-jariĝo, kaj la K. E. I.-anoj de Timisoara agrable surprizis la ĉeestantaron per la kantado de du romanaj popolaj melodioj, esperantigitaj de Anonymus Timisiensis.

Matene de la 20. 9. disvolviĝis la kulturarta programo. Oni komencis per la ĥorado de la rumana nacia himno — rumane kaj Esperante kaj laŭtegis la gratulleteron senditan okaze de la Interkonsiliĝo flanke de Ĉ. E. L. La ĉefa programero konsistis el parto dediĉita al la centjara jubileo de la fama rumana komponisto George Enescu (1881 — 1955). Enestis la programon i. a. ankaŭ du mallongaj filmoj kun esp.-lingva komentaro: la folklora **Ludaj manifestiĝoj kun simbola substrato** kaj la denthigiena, kolora **La eta paciento.**

Post tri jaroj de efektiva kaj sukcesa gvidado de K. E. I., prof. d-ro I. F. Bociort fariĝis honora prezidanto kaj konsilanto, lin anstataŭante, kiel estro por la du sekvaj jaroj, doc. d-ro Cezar Apreotesei. Nova vicestro estas nomumita lekc. d-ro R. Poenaru. Okaze de la IVa Interkonsiliĝo oni aranĝis en la halo de la Universitato en Timisoara riĉan ekspozicion de esperantaĵoj, precipe de libroj kaj revuoj.

Per la alta kvalito de la komenca debato, de la sciencaj komunikaĵoj kaj de la kulturarta aranĝo, la IVa Interkonsiliĝo de K. E. I. stampis novan progreson en la agado de la kolektivo dum la tri jaroj depost ĝia estiĝo.

(Laŭ materialo de C. Dominte)

## Arbaristoj/forstistoj

En GDR prepariĝas esperantista fakgrupo pri arbara mastrumado kaj forstscienco, kies celo estas apliki Esperanton por la menciitaj sciencoj kaj ellabori koncernan fakterminologion. Interesluoj el GDR kaj eksterlando interesitaj pri la problemoj kaj pretaj al kunlaboro skribu al d-ro Karl-Hermann Simon, 1300 Eberswalde-F.-1, Carl-v.-Ossietzky-Straße 21.

## Partopreno en „IREBIK“

La „Internacia Renkontiĝo de Esperantistoj ĉe Berlin“ en „Interkampadejo“ ĉe la Krossin-lago (IREBIK) ĉijare okazis de la 30a de septembro ĝis la 11a de oktobro 1981.

Partoprenis ĉirkaŭ 30 esperantistoj el Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Hungario kaj GDR.

„Interkampadejo“ estas tre moderna feriejo en arbaro ĉe la belega Krossinlago. La partoprenantoj loĝis triope en agrablaj ĉambroj.

La programo de „IREBIK“ estis ege interesa kaj alterna. Antaŭtagmeze instruis nin sinjoro Tvarožek el Slovakio. Li estas lingva fakulo kaj liaj lecionoj por progresintoj estis altnivelaj. Tre lerte li klarigis la plej diversajn gramatikajn malfacilaĵojn de Esperanto. Atente li gardis pri la ĝusta prononco kaj akcento de la lingvo ne nur dum la lecionoj. Ĉiam li estis helpema kaj montris grandan paciencon al la kursanoj. Dum la multaj ekskursetoj ĉe la suna aŭtuna vetero sinjoro Tvarožek ofte nomis nin „migranta lernejo“.

La pitoreska pejzaĝo de Berlin-Krossinsee entuziasmigis ne nur la eksterlandanojn. Ankaŭ ni estis bonŝancaj, ke la vetero dum la tuta aranĝo estis belega.

La ekskurso al la Müggel-turo, la rigardo de la distrikto Köpenick kaj la laŭvola veturado al Potsdam fariĝis neforgeseblaj travivaĵoj por la partoprenantoj.

La vizito de la Thälmann-memorejo en la vilaĝo Ziegenhals impresis nin ĉiujn. En tiu ĉi memorejo de iama sportejo Ziegenhals ni vidis la ĉambron, en kiu je la 7-a de februaro 1933 Ernst Thälmann lastfoje prelegis en la kontraŭleĝa kunveno de la Centra Komitato de KPD.

Ne ĉiuj unuopaj aranĝoj de „IREBIK“ povas esti menciitaj, i. a. d-ro Blanke prelegis pri „Esperanto en GDR“. Li donis riĉan superrigardon pri la ĝisnuna agado de la esperantistoj de GDR kaj klarigis ĝiajn estontajn taskojn. Lia specifa kontribuo stimuligis nin al nova aktiveco.

La esperantistinoj de nia kurso subskribis pacdefendan rezolucion. En ĝi estis emfazite, ke la plej grava nuntempa tasko de virinoj estu la defendo kaj konservado de la daŭra mondpaco.

Ne mankis ankaŭ amuzaj vesperoj. Cetere la tuta programo, ĉu oficiala aŭ amuza ĝojigis la partoprenantoj.

Lastan tagon de la Esperanto-aranĝo ni adiaŭis post interŝanĝo de la adresoj, varma manpremo kaj ĉirkaŭbrako, esperante baldaŭ revidi nin ie.

Specialan dankon por la neforgeseblaj tagoj en Berlin-Krossinsee meritas la organizantoj kaj precipe la estro, sinjoro Wegener, por la preparo kaj realigo de „IREBIK“.

Brunhilde Stief

## SEFT 81

Ankaŭ ĉi-jare denove funkciis la jam tradicia „Somera Esperantista Familia Tendaro“, mallonge SEFT sur la tendumejo Thomsdorf ĉe Feldberg (Neustrelitz), lagoriĉa kaj arbara regiono.

Surbaze de la slogano „nur povas okazi tio, kion vi mem organizas“ kolektiĝis entute 54 personoj, t. e. el Bulgario 5, Pollando 1, Hungario 3, Sovetunio 3, GDR 42. 11 familioj kun infanoj loĝis en 26 tendoj.

La tagon oni pasigis laŭ individua gusto. Vespere oni povis aŭskulti prelegojn. La junulara stacio „DT 64“ de Berliner Rundfunk disaŭdigis la 31an de aŭgusto 1981 intervjuojn faritajn kun la SEFTuloj kaj abunde informis pri Esperanto.

Ankaŭ 1982 okazos SEFT, jam la 5-an fojon, sur la tendejo C-86 ĉe Thomsdorf, dum la tempo inter la 21a ĝis 28a de aŭgusto. Sed atentu, aliĝemuloj! **SEFT ne ofertas programon al vi, se vi ne mem ĝin kunmetas.** Ĉiu mem okupiĝu pri la manĝoj, pri tendoj k. t. p. Tion konsideru antaŭ decidi.

Pro informoj skribu al Werner Pfennig, 2000 Neubrandenburg, Leibnitzstr. 5/67.

## V-a Turisma Renkontiĝo en Schwarzenberg

De la 6a ĝis 10a de oktobro 1982 okazos la V-a Internacia Turisma Renkontiĝo de ercmontaraj esperantistoj en Schwarzenberg. Ĝi estas dediĉita al la 32a datreveno de la fondo de Germana Demokratia Respubliko. Invitas al partopreno la subdistrikta estraro de GDREA en Schwarzenberg kaj la loka grupo de ĈEA en Karlovy Vary/ČSSR.

Kvarfoja tranoktado kaj du manĝoj (matenmanĝo kaj vespermanĝo) kostos ĉirkaŭ 60 markojn. En la provizora programo enestas interkonatiĝa vespero, konatigo kun vidindaĵoj de la subdistrikto Schwarzenberg, turismaj piedekskursoj, prelegoj, trajnekskursoj.

Informojn petu ĉe Rudolf Eichler, DDR-9430 Schwarzenberg, Hermann-Matern-Str. 21 kaj (por esperantistoj el ČSSR) ĉe Jaroslav Klement, Kpt. Nálepky 7, CS-360 04 Karlovy Vary, ČSSR.

## La tria „CIEL“

1981 jam la trian fojon funkciis la „Centra Internacia Esperantista Laborbrigado“ en Harta apud Danubo (Hungario). Estis organizitaj kvar etapoj po dusemajna laborado kaj unusemajna ripozado dum la monatoj julio kaj aŭgusto. Dum la lasta etapo, kiun mi partoprenis, kunvenis 24 gejunuloj el Pollando, Ĉeĥoslovakio, Hungario, GDR kaj Bulgario inter 17 — 30 jaraj. Oni laboris en agrikultura kooperativo. La labortempo estis (kun esceptoj) de la 8a matene ĝis la 16a horo posttagmeze; ankaŭ eblis kromlaboro kontraŭ plusa mono. Kvankam la laboro kelkfoje estis sufiĉe streĉiga kaj laciga pro la sunbrilego, refreŝiĝo preskaŭ ĉiam abundis en formo de bongustaj akvomelonoj kaj vinberoj senpagaj. Dum la libertempo okazis ekskursoj al proksima lago, vizitado de lokaj diskotekoj; oni povis iri kinejen aŭ distriĝi ĉe kantado kaj trinkado sidante ĉirkaŭ tendarfajro en pitoreska ĉirkaŭaĵo apud la bordo de la Danubo, organizita de la vilaĝa junularo.

Post la laboretapo ni entreprenis urborigardadon de Budapeŝto, veturis poste al mezlerneja ripoztendaro apud Balatonszemes. Kvankam la vetero estis malbona (ĝuste dum la ripozetapo, mil diabloj!) kaj la preskriboj tro severaj por ni jam iom pli aĝaj, la bona humoro ne forlasis nin. Okazis ekskursoj al konata kuracloko, kie eblis banado en saniga sulfurigita varma akvo, kaj al la konata duoninsulo Tihany. Do, kiu volas konatiĝi kun eksterlandaj gejunuloj sen elspezi tro multe da mono (oni nur devis pagi la vojaĝon al Budapeŝto kaj reen, kaj nature ankaŭ estas bezonata certa kvanto da poŝmono) kaj disponas pri sufiĉe bonaj lingvokonoj, tiu nepre partoprenu la sekvontjaran „CIEL“.

Rolf Janke

## Distrikta renkontiĝo kun profesoro Meier

La 3. 10. 1981 en Potsdam okazis solena distrikta kunveno de la esperantistoj, kiuj aŭskultis prelegon de prof. d-ro Georg F. Meier (Humboldt-Universitato) pri la tutmonda internacia lingvosituacio.

Krome okazis riĉa spertinterŝanĝo pri la laboro post la 3a Centra Konferenco. Vizito de la filmmuzeo en Potsdam, esperantlingva programo omaĝe al Johannes R. Becher kaj distra parto same trovis bonan akcepton.

La partoprenintoj donis dum aŭkcio 253 markojn por la internacia kontraŭimperiisma solidareco.

Laŭ K. Müller

## 15-a seminario en Lychen

De la 8-a ĝis 13-a de novembro 1981 en Lychen partoprenis 25 honoroficaj funkciuloj kaj aktivuloj de Esperantogrupoj en KL la 15-an seminarion. Werner Pfennig, membro de la prezidio de GDREA, kiu ankaŭ gvidis la seminarion, prelegis pri diversaj aspektoj de la praktika agado de la Esperantogrupoj. D-ro T. Dahlenburg pritraktis teoriajn kaj praktikajn demandojn de la Esperanto-metodiko kaj krome interlingvistikajn kaj esperantologiajn temojn. D-ro D. Blanke karakterizis la novan etapon en la agado de la esperantiszoj de GDR post la fondo de GDREA kaj elmontris la taskojn realigendajn por la sekva tempo.

## 8-a junulara seminario en Miersdorf

Michael Lennartz, membro de la prezidio de GDREA, gvidis la 8-an junularan seminarion de la 25-a ĝis 28-a de novembro 1981 en Miersdorf (ĉe Berlin). Partoprenis 30 gejunuloj.

## Semajnfinaj seminarioj

Pli kaj pli ofte okazas semajnfinaj seminarioj en la diversaj distriktoj. Menciindas i. a. tiu de la distrikto Potsdam, 3./4. julio 1981 en Caputh (15 partoprenantoj), de Schwerin, la 17an de oktobro kaj 24an de oktobro en Rostock. Ankaŭ en Frankfurt/O. kaj Dresden (9. 10. 81) okazis semajnfinaj seminariaj aranĝoj por pliperfektigi la lingvan scion kaj interŝanĝi spertojn. Ĝenerale konkludeblas, ke tiaj aranĝoj estas ege necesaj, relative facile organizeblaj kaj tre instigaj por plua laboro. Ĉiu distrikto 2—3-foje dum jaro devus organizi tiajn aranĝojn. Krom la lingva perfektigo ne manku prelegoj kaj diskutoj pri la esperantista agado en GDR kaj pri la internacia movado. Se oni sufiĉe frue planas la aranĝojn, instruistoj kaj prelegantoj el aliaj distriktoj povos helpi. Komparu ankaŭ la ampleksan raporton de Werner Pfennig en „der esperantist“ 3/81.

## Leinefelde

22 esperantistoj el Heiligenstadt kaj Mühlhausen renkontiĝis la 28an de junio 1981 en Leinefelde. Post vigla spertinterŝanĝo pri la agado post la 3a Centra Konferenco oni fondis en Leinefelde novan grupon, kies prezidantino elektiĝis Irene Wachs.

## Revuoj ofertataj

Kiu deziras ricevi diversajn numerojn de „Hungara Vivo“ kaj „Hungara Fervojista Mondo“ skribu al: Hans Diedrich, DDR-2754 Schwerin, Von-Thünen-Str. 42

## „Freundeskreis Esperanto“

Ende des Jahres wurde in Prenzlau, Bezirk Neubrandenburg, ein „Freundeskreis Esperanto“ gegründet. Dabei handelt es sich nicht in erster Linie um die Gruppierung aktiver Esperantisten oder Kursteilnehmer. Ziel des Freundeskreises ist es vielmehr, die Interessenten und Sympathisanten des Esperanto zusammenzufassen, die aus verschiedenen Gründen selbst keine Zeit finden, die Sprache zu erlernen, aber dennoch etwas für deren Verbreitung tun möchten. Es handelt sich in der Mehrzahl um Eltern, Verwandte, Bekannte und Freunde von Esperanto-Schülern, die sich bereit erklärt haben, auf vielfältige Weise die Arbeit des Esperanto-Verbandes zu unterstützen. Diese Unterstützung kann auf verschiedene Weise geschehen, z. B. durch Hilfe bei der Gestaltung von Ausstellungen und Wandzeitungen, Übernahme von Schreibarbeiten, Hilfe bei der Vorbereitung und Durchführung von Veranstaltungen und andere organisatorisch-technische Leistungen. Ein interessanter Versuch der Prenzlauer Esperantisten, unserer Arbeit neue Impulse zu verleihen und weitere Möglichkeiten zu erschließen.

## Wochenpost-Artikel noch erhältlich

Sie erinnern sich sicher noch des gelungenen Artikels von Susanne Herklotz über Esperanto (Spricht man noch Esperanto?) in der „Wochenpost“ Nr. 50/1979. Der Artikel ist geeignet für Informations- und Werbezwecke. Der Esperanto-Verband verfügt noch über Exemplare und gibt diese auf Anforderung kostenlos ab.

## Pli ol 50 artikoloj

Pri la IIIa Centra Konferenco de la Esperantistoj en KL de GDR (22. ĝis 24. 5. 81) en Karl-Marx-Stadt la gazetaro de GDR aperigis pli ol 50 artikolojn.

## Ampleksa artikolo en „DDR-Revue“

Ampleksa artikolo pri „Esperanto en GDR“ aperis en la internacie disvastigata „DDR-Revuo“, n-ro 9, kiu krom en la germana ankaŭ aperas en la lingvoj angla, franca, itala, finna, sveda kaj dana.

## Radio-intervjuoj

Lastatempe okazis kelkaj radio-intervjuoj, i. a. pri SEFT 1981 de DT 64 kaj 24. 9. 81 en Studio 80 de Radio DDR II (Sekcio scienco) pri la sciencaj aspektoj de Esperanto.

## Nova distrikta informilo

La Distrikta Estraro de EAKL de Frankfurt/Oder tre bone eklaboris sub gvido de Bärbel Kulisch. Aperis kelkaj gazetartikoloj, okazis semajnfina intensa kurso, regulaj estrarkunvenoj, k. a. Krome DE aperigas distriktan informilon, kiun lerte redaktas Bärbel Kulisch.

## Prof. Podkaminer: honora membro de UEA

La Komitato de UEA decidis honori per la titolo „Honora membro de UEA“ jenajn elstarajn agantojn de la Esperanto-movado: La konatan sovetan aktivulon prof. Simeon N. Podkaminer, la ĉinan verkiston Bakin, la naturscienciston kaj longjaran vicprezidanton de UEA prof. C. Stop-Bowitz el Norvegio kaj la sukcesan danan Esperanto-pedagogon L. Friis. GDREA kore gratulas.

## Karaj germanaj samideanoj!

Esperanto-klubo el Vladivostok elkore dankas al ĉiuj germanaj samideanoj, kiuj malavare kontribuos por la E-ekspozicio en la Domo de Junularo.

Jen ĉi-foje nia klubo proponas al vi utili al niaj socioj kaj helpi al neesperantistaj fakuloj el niaj landoj kompreni unu la alian.

La Komitato de VLKSM (Komsomolo) de Vladivostoka Domkonstrua Kombinato (VDK) ege kaj arde deziras ligi fratajn ambaŭflanke utilajn kontaktojn kun similaj entreprenoj en GDR. Spertinterŝanĝo kaj reciprokaj vizitoj estas planataj. Nia klubo pretas peri sindone tiujn kontaktojn kaj helpi al neesperantistoj interkompreniĝi pere de Esperanto de nia flanko. Kiu el vi deziras helpi nin en ĉi tiu afero? Anoncu vin laŭ la adreso: USSR 690 039 Vladivostok - 39, av. 100 let Vladivostoku 103, Domo de Junularo, Esperanto-klubo (por konstruistoj).

## Ni funebras

- pro la forpaso de la konata soveta esperantisto Petro Poliŝĉuk el Taŝkent, kiu forlasis nin dum aŭtuno 1981. Li havis multajn geamikojn en GDR;
- pro la forpaso de Albert Weinhold el Leipzig (12. 8. 1981), iama membro de GLEA, aktiva ĝis la nuntempo.

# KORESPONDDEZIROJ



## Bulgario

33-jara geedza paro Sonja kaj Leonid Senj, kv. „Piŝmana", bl. 79, vh „B", ap. 17, **Veliko Tirnovo,** dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., kol. bk, pm

Valentin Nikolov, **1528 Sofia,** kom. „Drujba", bl. 26, vh. 5, ap. 101, 23j., dez. kor.

Valentina Dimitrova Karakaŝeva, **2850 Petriĉ,** str. „Kajmak Calam" 22, 24-j., dez. kor.

D-ro Nikola Donev, **1113 Sofia,** str. Anri Barbjus 22, dez. kor. pri la temo „La popola medicino"

## ĈSSR

Jaroslav Tmy, Okrsek O, ĉ. 2557, bl. 309, **272 01 Kladno,** (31j.) dez. kor. kun GDR-anoj, prec. Karl-Marx-Stadt k. Dresden pri sporto, fotografado, filmado, kol. gramofondiskojn, diapozitivojn

Karel Hájek, Kněžskodvorská 13, **370 01 České Budějovice,** dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., kol. kolor. bk, pm, esperantaĵojn, bildmagazinoj

## GDR

Komencantoj dez. kor.:

- D-ro Johann Werner, **9430 Schwarzenberg,** August-Bebel-Str. 22, Psf. 133 (medicinisto, 42j.)
- Brigitte Krassny, **9430 Schwarzenberg,** Albert-Höhnel-Str. 5 (oficistino, 42j.)
- Erika Pechstein, **9436 Erlabrunn,** Am Waldeck 15 (flegistino, 46j.)
- Ulrike Mescheder, **9435 Erla,** Am Schwarzwasser 9 (flegistino, 21j.)
- Kathi Riedel, **9431 Antonsthal,** Talstr. 11 (flegistino, 21j.)
- Fred Georgi, **9431 Grünstödtel,** Schwarzenberger Str. 11 (laboristo, 23j.)

Frizisto majstro, 36j., dez. kor. tutmonde kun aliaj frizistoj/frizistinoj: Karl-Heinz Fischer, **1156 Berlin,** Ho-Chi-Minh-Str. 19/B

Martin Hoffmann, **8800 Zittau,** Karl-Lukas-Str. 5, dez. kor. tutmonde, prec. kun Vjetnamio

73j. violininstruistino dez. kor. tutmonde p. ĉ. t., precipe pri klasika muziko: Käthe Rakelmann, **1800 Brandenburg,** Karl-Marx-Str. 45

Jens Merker, **7500 Cottbus,** Bautzener Str. 12, dez. kor. tutmonde

## Hungario

Lernantino dez. kor. kun lernantino de 8a klaso el GDR: Monika Göncz, **7632 Pécs,** Egri Gyu. 66, IVe. 14

17j. lernanto dez. kor. kun junaj germanaj geesperantistoj: Zoltán Baksai, **H-7400 Kaposvár,** Maros u. 7

20j. laboristo, komencanto, dez. kor. kun gejunuloj p. ĉ. t., kol. bk: Tibor Gulyás, **6640 Csongrád,** Marx tér 16, IX. et., 49 p.

16j. lernantino dez. kor. p. ĉ. t., kol. bk: Éva Gacsal, **Eger,** Mikes K. u. 19

40j. fervojisto, komencanto, dez. kor., ŝatas vojaĝi kaj fotografi: Miklos Fazekas, **H-8230 Balatonfüred,** Nepköztársaság u. 3, D/5

## Japanio

Japana Esperanto-Instituto peras internacian korespondadon. Tiu, kiu dez. kor. kun japanaj gesamideanoj, skribu al jena adreso per presliteroj kun detala klarigo (nome, sekso, aĝo, profesio, hobio) kaj se eble kun sia portreto: Japana Esperanto-Instituto, Wasedamati 12-3, Sinzyuku-ku, **Tokio 162**

## Soveta Unio

21j. studentino dez. kor. tutmonde pri arto, muziko, literaturo, historio, kol. bk, diskojn: Rasa Čepulyte, **Siaulai,** Talŝos 2-18, Litovio

Fotistino dez. kor. kun geamikoj el GDR, FRG, Hispanio, Koreo, Madagaskaro, Hungario pri fotoaferoj kaj E-poezio: Tatjana Kiseljova, ul. 20 Partsezda 54-39, **644 053 Omsk 53**

---

Herausgeber: Kulturbund der DDR
Esperanto-Verband
Redaktion: 1080 Berlin, Charlottenstr. 60
Fernruf: 2 20 29 91
Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke.
Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. – Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. – Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
Artikel-Nr. (EDV) 7928 III-12-8 1